# Etnismo

ISSN039-8724

N-RO 77 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 15.12.2005



*Juana Calfunao Paillalef*, mapuĉa ĉefino



*Daniele Vitali* kun akuaka reprezentanto



Fakkunveno de IKEL dum Universala Kongreso

## En tiu ĉi numero:





*Aloyzas Gudavičius*

# Etna situacio kaj etnaj liberecoj en Litovio

*Ni aperigas tie la prelegon de Profesoro Aloyzas Gudavičius, kiun la partoprenantoj al la Universala Kongreso povis aŭdi dum kunsido de IKEL. P-ro Gudavičius estas lingvisto, fakulo pri ĝenerala lingvistiko, semantiko kaj etnoligvistiko.*



La revuo ***Etnismo*** jam kelkfoje priskribis etnan situacion en la ĉebaltamaraj ŝtatoj. Ĉi tie mi intencas mencii ankoraŭ kelkajn aspektojn kaj aldoni iom da informoj pri la nuntempa situacio en Litovio.

Kompare kun aliaj landoj de la Eŭropa Unio (EU) la tri ĉebaltamaraj ŝtatoj – Litovio, Latvio kaj Estonio – havas specifajn spertojn en la sfero de etna politiko. Dum 50 jaroj soveta reĝimo penegis krei novan popolon - la sovetan - kaj novan homon - la sovetan -, kies adreso (kiel oni kantis en tiutempe populara kanzono) estas nek domo kaj nek strato, sed la nura indiko "Soveta Unio". La soveta propagando deklaris, ke kulturo povas esti nacia laŭ formo, tamen laŭ sia enhavo ĝi devis esti soveta. Kune kun trudado de la soveta ideologio okazis subpremo de naciaj lingvoj kaj kulturoj pere de la rusaj lingvo kaj kulturo. En la lastaj jardekoj de Soveta Unio oni parolis eĉ pri dua gepatra lingvo: la rusa.

Kvindekjara politiko de rusigado postlasis spurojn en la nuntempa etna situacio de la tri ĉebaltamaraj ŝtatoj. Tamen la rezultoj de tia nacia soveta politiko sufiĉe diferencas inter Litovio, Latvio kaj Estonio ĉefe pro etna konsisto de la loĝantaro. Pli multe da etnaj problemoj aperas en Latvio kaj Estonio, kie la etnaj minoritatoj (precipe rusoj) estas pli multenombraj ol en Litovio (komparu tabelon 1).

La etnaj minoritatoj tre diverskvante distribuiĝas en la teritorio de Litovio. Plejmulto de la rusoj loĝas en tri urboj: *Klaipėda, Vilnius* kaj *Visaginas* (kie funkcias atoma elektra centrejo). Plejmulto de la poloj troviĝas en 5 distriktoj de Sudorienta Litovio: *Ŝalĉininkai, Ŝirvintos, Ŝvenĉionys, Trakai* kaj *Vilnius* (vidu tabelon 2).

Granda diferenco inter Litovio unuaflanke kaj Latvio, Estonio aliaflanke ekzistas en la solvo de la problemo de civitaneco. Litovio kiel unua ŝtato en Centra kaj Orienta Eŭropo en la jaro 1989 akceptis leĝon pri naciaj minoritatoj kaj establis ĉe registaro departementon pri naciaj minoritatoj. Tiu ĉi afero estis efektivigita ankaŭ en soveta Litovio (antaŭ restarigo de sendependeco en 1990).

| | Litovio (censo 2001) | Latvio (censo 2000) | Estonio (censo 2000) |
|---|---|---|---|
| Totalo de la loĝantaro | 3 484 000 | 2 331 500 | 1 356 000 |
| Ĉefa nacio | 84.4% | 58.8% | 67.9% |
| Etnaj minoritatoj: | | | |
| rusoj | 219 800 (6,3%) | 702 000 (29%) | 344 000 (25,6%) |
| belorusoj | 42 900 | 97 000 (4,2%) | 17 000 (1,3%) |
| ukrainoj | 22 500 | 63 000 (2,7%) | 29 000 (2,1%) |
| poloj | 235 000 (6,7%) | 60 000 (2,6%) | 2 200 |
| hebreoj | 4 000 | 10 000 | 2 150 |
| romoj | 2 600 | 8 000 | |
| germanoj | 3 200 | 3 500 | |
| tataroj | 3 200 | 2 500 | 2 600 |
| finoj | | | 1 200 |
| litovoj | | 33 000 | 2 100 |
| latvoj | 3 000 | | 2 300 |
| aliaj | 40 500 | | |

*Tabelo 1*

(La informoj estas ĉerpitaj el materialoj de la internacia konferenco: "Naciaj minoritatoj en periodo de kreiĝo de civitana socio" (2003) kaj el aliaj statistikaj fontoj.)

En la sama jaro, la 3-an de novembro 1989, estis akceptita leĝo pri civitaneco. Laŭ tiu ĉi leĝo litovan civitanecon havas:

1. "personoj, kiuj estis civitanoj de Litova Respubliko, iliaj infanoj kaj nepoj, same aliaj konstantaj loĝintoj en teritorio de nuntempa Soveta Litovio ĝis la 15-a de junio 1940, ankaŭ iliaj infanoj kaj nepoj, konstante loĝantaj en la teritorio de Soveta Litovio;
2. personoj, konstante loĝantaj en la teritorio de Soveta Litovio, se ili naskiĝis ĉi tie aŭ povas argumenti, ke almenaŭ unu el la gepatroj aŭ geavoj naskiĝis en la teritorio de Soveta Litovio, kaj se ili ne havas civitanecon de alia ŝtato;
3. aliaj personoj, kiuj ĝis la tago de validiĝo de tiu ĉi leĝo konstante loĝis en teritorio de la Respubliko, havas ĉi tie konstantan laboron aŭ konstantan legitiman fonton de travivado. Ĉi tiuj personoj dum du jaroj libere decidas pri sia civitaneco [ ... ]"

Kiel ni vidas, en Litovio estis akceptita tiel nomata nula varianto de civitaneco: fakte, ĉiuj, kiuj loĝis tiutempe en Litovio, havis rajton iĝi civitanoj de Litovio, sendepende de nacieco, de scipovo de la litova lingvo ktp. La nura kondiĉo por ricevi pasporton de litova civitano estis subskribo de ĵurpromeso sin teni je la konstitucio kaj je la leĝoj de Litovio, respekti ĝian suverenecon kaj ĝian teritorian unuecon. Plenaĝajn personojn, kiuj dum du jaroj post la ekvalidiĝo de tiu leĝo ne akiris litovan pasporton, oni traktis kiel nelitovajn civitanojn. Konsekvenco de tiel demokratia leĝo pri civitaneco estis, ke civitanoj de Litovio iĝis ĉiuj, kiuj volis tion. Civitanecon akiris 90% de la anoj de naciaj minoritatoj. Eĉ 84% de la romaaj viroj kaj 90% de la romaaj virinoj akiris ĝin. Vere, la sekvantaj redaktaĵoj (1991, 1993, 1995) jam enhavis pli rigorajn postulojn: plenumi ekzamenon pri la litova lingvo (scipovi paroli kaj legi litove), kaj plenumi ekzamenon pri la fundamentoj de la konstitucio de la Litova Respubliko. Malgraŭ tio nun litovan civitanecon havas pli ol 99% de la tuta loĝantaro de Litovio. Oni povas noti, ke, laŭ la censo de 2001 en Litovio, loĝis 219.800 rusoj kaj nur 13.376 personoj havis rusan civitanecon; inter la 235.000 poloj nur 737 personoj havis polan civitanecon.

La situacio en Latvio kaj Estonio estas sufiĉe alia. Laŭ oficialaj indikoj, en la jaro 2003 en Latvio ties ŝtatan civitanecon ne havis duona miliono de la loĝantaro (ĉirkaŭ 20 %), en Estonio 160.000 (ĉirkaŭ 10%). En ambaŭ ŝtatoj ekde la komenco esprimiĝis postulo scipovi la respektivan ŝtatan lingvon kaj plejmulto de la aliaetnanoj ne parolis latve respektive estone. Nuntempe rusoj, ukrainoj kaj aliaj plendas, ke la latva aŭ la estona lingvo estas malfacila por ili, ke tiamaniere oni ne respektas iliajn homajn rajtojn. Tamen la plej grava kaŭzo estas, ke multenombraj sovetaj enmigrintoj ne volis adaptiĝi al la kulturo kaj al la lingvo de la lando. Ilia granda nombro jam ege minacis la lokajn kulturon kaj lingvon, do latvoj kaj estonoj devis agi por defendi ankaŭ sian homan rajton resti latvoj kaj estonoj kaj paroli sian lingvon.

| loko | litovoj | poloj | rusoj | aliaj |
|---|---|---|---|---|
| Klaipėda | 71% | 0,4% | 21% | 7,6% |
| Vilnius | 57% | 19% | 14% | 10% |
| Visaginas | 15% | 8% | 52% | 25% |
| Ŝalĉininkai distr. | 10% | 79% | 5% | 6% |
| Ŝirvintai distr. | 87% | 10% | 2% | 1% |
| Ŝvenĉionys distr. | 51% | 27% | 13% | 9% |
| Trakai distr. | 53% | 33% | 8% | 6% |
| Vilnius distr. | 22% | 61% | 8% | 9% |

*Tabelo 2*

Kontraŭstariĝo de litovoj kaj aliaj etnoj, precipe tiel nomataj rusparolantoj, estas multe pli milda ol en Latvio aŭ Estonio. Fontojn de relativa toleremo de litovoj rilate al aliaj nacioj iufoje oni serĉas en la historio. En la jaro 1323 grandduko de Litovio *Gediminas* sendis leterojn al civitanoj de germanaj urboj kiel Lubeko, Bremeno kaj Magdeburgo invitante ilin veturi en Litovion por kulturi teron, komerci, sin okupi per metioj. Alvokante al loĝantoj de Centra kaj Okcidenta Eŭropo *Gediminas* deklaris: "Veturu ili en nian landon kun siaj infanoj, edzinoj kaj brutoj, aliru kaj eliru laŭ sia deziro sen iaj ĝenoj [...] ni promesas, ke ili estos sekuraj kaj ke neniu el miaj subalternuloj kondutos kun ili maljuste". Do, antaŭ preskaŭ 700 jaroj en leteroj de *Gediminas* estis esprimita programo de moderna ŝtato: ŝtato sen limoj; etna kaj kultura toleremo; egalaj ekonomiaj, civitanaj, sociaj liberecoj kaj rajtoj malgraŭ etnaj kaj religiaj diferencoj; gardado

kaj defendo de la rajtoj de etnaj minoritatoj uzante ŝtatajn instituciojn. Aliaj litovaj granddukoj kaj reĝoj per siaj privilegioj legitimis memregadon de hebreoj, tataroj, karaimoj, kiuj estis validaj dum jarcentoj. La Litova Statuto, akceptita en la 16-a jarcento, garantiis religian toleremon. En Litovio neniam okazis etnaj, rasaj aŭ religiaj konfliktoj. Malgraŭ tragikaj eventoj, kiuj ege tuŝis ĉiujn popolojn de nia lando en la 20-a jarcento, en Litovio konserviĝis la sama etna strukturo, kiu ekzistis dum jarcentoj.

La 12-an de marto 1990, unu tagon post la deklaro pri restarigo de sendependa Litovio, la Supera Konsilio




Fontoj:
*1. Lietuvos Gegrafija, atlasas 9 klsei; Briedis, Vilnius, 2005*
*2. Lietuvos instorijos atlasas; Briedis, Vilnius, 2004;*
*3. DerFischer Weltalmanach 2005; Fischer, Frankfurt/M., 2004.* *ujm*

sin turnis al ĉiuj etnaj socioj devigante sin, ke "ĉiuj politikaj kaj ekonomiaj decidoj estos akceptataj kun respekto de la interesoj de ĉiuj etnaj socioj loĝantaj en Litovio kaj sen premo sur ilia identeco kaj sur iliaj rajtoj".

Kompreneble, homoj estas malsimilaj. Kaj inter litovoj estis pluraj politikaj sintenoj. Estis tiuj, kiuj dum la Dua Mondmilito batalis kontraŭ faŝismo, aliaj kiuj helpis faŝisman okupadon. Post la milito estis tiuj kiuj batalis kontraŭ soveta okupado kaj la aliaj kiuj male kunlaboris kun ĝiaj plenumantoj. Tamen karaktera trajto de litova menso estas toleremo al alitnaj kaj alilingvaj homoj.

Antaŭ kelkaj jaroj mi efektivigis malgrandan esploron pri stereotipoj. Stereotipoj – tio estas opinioj ekzistantaj en konscio de iu popolo, juĝoj pri iaj

aferoj kaj objektoj, plejparte pri socia sfero kaj precipe pri aliaj nacioj. En la nuntempa etnolingvistiko esplorado de stereotipoj okupas gravan pozicion, ĉar en stereotipoj respeguliĝas vidpunkto de difinita popolo rilate la ĉirkaŭan mondon (la *Weltanschauung* [=mondpercepto] de *Weisgerber*). Laŭ metodiko ellaborata en la lublina etnolingvistika skolo ni esploris stereotipojn pri rusoj, poloj kaj litovoj en la konscio de litovoj, pridemandante 100 studentojn de homscienca fakultato kaj 50 nejunaj loĝantoj de la urbo *Šiauliai*. La demandaro enhavis 26 demandojn pri la karakteraj trajtoj de la koncernata nacio: laborema/mallaborema, saĝa/stulta, sincera/kaŝema, tolerema/maltolerema k.a. ampleksantaj sferojn de homa karaktero, rilatojn al aliaj homoj, al materia stato, al vivo kaj al patrujo. Laŭ metodiko de semantika diferencialo de *Ch. Osgood* estis kalkulita la nivelo de ĉiu trajto en procentoj (pozitiva aŭ negativa signifo). Estas interese, ke en la opinio de litovoj, precipe nejunaj respondantoj, ĝenerale pli altan taksadon ricevis poloj kaj rusoj ol litovoj mem.
(Komparu tabelojn 3 kaj 4).

Litovaj studentoj (100 informantoj) pri litovoj, poloj kaj rusoj
(taksado en procentoj de -100% ĝis +100%)

| negativa trajto | pozitiva trajto | litovoj | poloj | rusoj |
|---|---|---|---|---|
| maliniciatema | iniciatema | -0,66 | +24,33 | +41,66 |
| malpurema | purema | +20,66 | +2,33 | +6,66 |
| malŝparema | ŝparema | +16,66 | +9,33 | -0,33 |
| malriĉa | riĉa | -0,66 | +28,33 | +1,66 |
| mallaborema | laborema | +16,66 | +7,66 | +11,33 |
| drinkulo | sobrulo | +1,66 | -2,33 | -39,0 |
| malkuraĝa | kuraĝa | -15,0 | +16,66 | +55,33 |
| malgaja | gaja | -10,66 | +33,33 | +74,33 |
| humila | aroganta | -2,66 | +44,33 | +32,33 |
| senemocia | pasia | -6,66 | +3,33 | +43,33 |
| stulta | bone komprenema | +11,66 | +13,33 | +32,0 |
| neklera | klera | +19,66 | +27,66 | +28,33 |
| malsaĝa | saĝa | +19,0 | +25,0 | +36,33 |
| nesociema | sociema | +8,33 | +30,66 | +79,0 |
| kaŝema | malkaŝema | -9,33 | +14,0 | +68,33 |
| cedema | persistema | +11,33 | +37,33 | +33,66 |
| hipokrita | sincera | -3,66 | -12,33 | +55,33 |
| konsentema | sendependema | -0,66 | +24,0 | +33,66 |
| senkultura | kultura | +2,66 | +1,0 | +10,33 |
| malhonesta | honesta | +10,33 | -10,0 | +26,33 |
| severa | milda | +7,0 | +1,66 | +11,0 |
| maltolerema | tolerema | +2,33 | -1,66 | +16,33 |
| agresiva | trankvila | +16,33 | -4,66 | -10,33 |
| nepatrioto | patrioto | +15,0 | +45,33 | +68,0 |
| ateisto | religiulo | +23,33 | +53,33 | +58,33 |
| kosmopolito | naciisto | +23,0 | +26,0 | 25,33 |
| **ĝenerala nivelo de taksado** | | **+6,7** | **+17,0** | **+30,7** |

*Tabelo 3*

Relativan toleremon de litovoj atestas alia esploro, kiun realigis internaciaj centroj por esplorado de publika opinio en Litovio, Ĉehio, Hungario kaj Pollando en la jaro 2000. Estis uzata 7-grada skalo, kie "7" signifas totalan simpation kaj "1" totalan malsimpation. Ĝenerala indiko pri taksado de aliaj popoloj far litovoj estis 4,6, far poloj 4,4, far hungaroj 3,9 kaj far ĉeĥoj nur 3,8. Litovoj pli alte ol aliaj taksis rusojn, ukrainojn kaj belorusojn. Estas rimarkinde, ke en ĉiuj landoj la plej malaltajn poentojn ricevis romaoj: de 2,14 en Ĉeĥio ĝis 3,28 en Pollando.

Unu el la plej gravaj indikoj de ŝtata zorgo pri etnaj minoritatoj estas kreado de bonaj kondiĉoj por amasa informado kaj por nacia edukado en ĉiu etna lingvo. Ŝajnas, ke en Litovio tiuj ĉi kondiĉoj estas sufiĉe plenumataj. En la jaro 2003 estis eldonataj 37 periodaĵoj (28 gazetoj kaj 8 revuoj) en la belorusa, la

rusa, la pola, la germana kaj la hebrea lingvoj. Litovaj tataroj kaj grekoj havis siajn gazetojn en la litova aŭ en la rusa lingvoj kun enkorpigaĵoj en nacia lingvo. Naciaj societoj publikigas en la "Informa bulteno de etnaj minoritatoj", kiun eldonas la departamento pri etnaj minoritatoj kaj enmigrado. Pri la kvanto de elsendoj nur per ŝtata televido. (Vidu tabelon no 4).

Precipe grava afero por homo estas ebleco lerni en sia gepatra lingvo. La situacion en Litovio ilustras la du sekvantaj tabeloj:

Kvanto de ĝeneralaj lernejoj laŭ lingvoj de edukado

Lernejoj kun unu lingvo de edukado:

| | 2000/01 | 2001/02 | 2002/03 | 2003/04 |
|---|---|---|---|---|
| la litova | 2047 | 1969 | 1872 | 1631 |
| la rusa | 69 | 62 | 56 | 59 |
| la pola | 74 | 80 | 81 | 83 |
| la belorusa | 1 | 1 | 1 | 1 |
| la franca | - | - | - | 1 |
| la hebrea | 1 | 1 | 1 | 1 |
| la germana | 1 | 1 | 1 | 1 |

Lernejoj kun du (tri) lingvoj de edukado:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| La litova kaj rusa | 24 | 21 | 21 | 18 |
| La litova kaj pola | 11 | 12 | 13 | 14 |
| La litova, rusa kaj pola | 10 | 9 | 9 | 8 |
| La rusa kaj pola | 26 | 21 | 21 | 18 |
| La rusa kaj belorusa | 1 | 1 | - | - |
| La litova kaj angla | 2 | 1 | 1 | 1 |

Krom tio funkcias 40 dimanĉaj etnaj lernejoj kaj 2 privataj – unu juda kaj unu rusa.

Kvanto de lernantoj de ĝeneralaj lernejoj laŭ lingvoj de edukado

| | 2000/01 | 2001/02 | 2002/03 | 2003/04 |
|---|---|---|---|---|
| La litova | 517214 | 519177 | 514384 | 507086 |
| La rusa | 40978 | 37672 | 33890 | 30606 |
| La pola | 21940 | 21710 | 21314 | 20549 |
| La belorusa | 207 | 208 | 175 | 159 |
| La angla | 51 | 51 | 53 | 67 |
| La franca | - | - | - | 30 |

Ĉiujn lernejojn de etnaj minoritatoj oni povas dividi en du grupoj: unue la rusaj kaj la polaj, kiuj funkcias jam pli ol 50 jarojn kaj due la aliaj, kiuj estis establitaj nur post la jaro 1990, post restaŭro de sendependa Litovio. En la rusaj kaj polaj lernejoj preskaŭ ĉiuj lernobjektoj estas lernataj ruse respektive pole; en la aliaj lernejoj nur parton de la lernobjektoj oni instruas en la gepatra lingvo, ekzemple en la juda lernejo *Ŝolom Aleichem* oni instruas jude nur la toraon, la hebrean lingvon, la judajn historion kaj geografion, aliajn lernobjektojn oni instruas en la rusa aŭ en la litova lingvo depende de la familia lingvo. La enhavo de la lernejobjektoj kaj la postuloj pri kvalito de edukado en la lernejoj de etnaj minoritatoj estas la samaj kiel en la litovaj lernejoj. Tamen monrimedoj por etnaj lernejoj iufoje estas pli grandaj, ekzemple en la lernojaro 2002/2003, por akirado de lernaj rimedoj (lernolibroj, teknikaj iloj ktp) ili estis je 20% pli altaj ol por litovaj lernejoj. Post la jaro 1990 ŝanĝoj en la politiko de edukado de etnaj minoritatoj estas bone videblaj. Kiel indiko povas servi la situacio de polaj lernejoj. Ĝis la restaŭro de sendependeco, la kvanto de polaj lernejoj kaj gelernantoj konsekvence malpligrandiĝis pro tio, ke la polaj gepatroj pli kaj pli ofte enskribis infanojn en la

rusa lernejo ne vidante perspektivon por la pola lingvo kaj edukado. Pro tio, en la lernojaro 1988/89 la nombro de polaj lernejoj (entute, kun rusa-pola kaj litova-pola instruado) malplialtiĝis ĝis 96 kaj la nombro de lernantoj ĝis 9.995, tio estis nur 2% de la tuta nombro de lernantoj en la Respubliko, dum la nombro de poloj en Litovio estis 7% de la tuta loĝantaro. Nuntempe pollingva edukado en Litovio rapidkure evoluas. En la jaro 2002 entute funkciis 122 polaj lernejoj, inter ili 40 mezlernejoj, 44 bazaj (10-klasaj) kaj 35 elementaj lernejoj, la nombro de lernantoj plialtiĝis ĝis 21.232, kaj tio estis 4,12% de la tuta lernantaro. Oni devas substreki, ke rezulte de la demografia situacio kaj de la reformo pri edukado la ĝenerala kvanto de lernejoj kaj de lernantoj en lastaj jaroj konsiderinde malkreskis. Foje etna konscio ŝajnas stranga, ekzemple 18% el la romaaj viroj kaj 35% el la virinoj estas analfabetoj; tamen 83% el la romaoj ne volas havi romalingvan lernejon. Ĉi tie mi volus aldoni, ke, ekde 2001 en la universitato de *Vilnius,* en la Centro de Studado pri Senŝtataj Kulturoj, kie oni esploras la romaan kulturon kaj vivmanieron, romaetna virino instruas la romaan lingvon; la Ministerio pri Edukado kaj Sciencoj, kun reprezentantoj de romaa socio, preparis lernolibron de la romaa lingvo.

Litovio subskribis la "Kadran Konvencion de la Konsilio de Eŭropo pri la Protekto de Naciaj Minoritatoj" en la jaro 1995 kaj ratifis ĝin la 17-an de februaro 2000. Laŭ la rezolucio de la ministra konsilio (ResCMN 2003) estas kontrolita situacio, kiel realiĝas la postuloj de tiu ĉi konvencio en Litovio. La ĉefa ĝenerala konkludo de la Konsulta Komitato estas: "Litovio elektis publikan (malfermitan) vidpunkton rilate al personoj, kiujn koncernas la konvencio, demonstris laŭdindajn streĉojn kaj akceptis konvenajn leĝojn en la sfero de protektado de etnaj minoritatoj. Tiuj ĉi streĉoj permesis konservi kaj evoluigi kulturon kaj originalecon de etnaj minoritatoj". La Konsulta Komitato atentigas, ke la reformotaj leĝoj ne malplialtigu la nivelon de nuntempa protektado de etnaj minoritatoj. Samtempe oni substrekas, ke hodiaŭ ankoraŭ ne sufiĉe klara estas la uzado de naciaj lingvoj en administraciaj institucioj, la apliko de naciaj lingvoj por nomado de lokoj, stratoj kaj aliaj topografiaj objektoj. En la sfero de edukado oni devas klare difini, kiu ŝtata aŭ memregada organo havas rajton malfermi, vivteni aŭ fermi lernejon aŭ klason kun nacilingva lernado kaj kiu nombro de lernantoj estas necesa por tio. Inter la etnaj minoritatoj havantaj problemojn en socia kaj ekonomia sferoj oni indikas nur romaojn, kies nombro en Litovio ne estas granda (2.600 homoj).

---

Memorante 15 jarojn da sendependa Litova Respubliko kiel meza, en la senco "neŭtrala", civitano (mi esperas, ke mi estas tia) mi povas konstati, ke la situacio de la



***Daniel Houguet***

# Manifestacio en St-Nazaire

*La nuna administra regiono Bretagne konsistas el kvar departementoj, dum tiu de Loire-Atlantique, parto de historia Bretonio, estas lokita en alia regiono, Pays de Loire. Ĝis tia punkto ke Nantes (Nanto), historia ĉefurbo de Bretonio, nun estas ĉefurbo de tiu stranga regiono Pays de Loire. Plej multe da loĝantoj de Loire-Atlantique deziras, ke ilia departemento reiĝu bretona. Sed, kompreneble, tio estus revolucio en la jakobena Francio, kie tre gravas frakasi la historiajn identecojn (krom, kompreneble, tiu de la ŝtato mem) kaj, aldone, malfacilas eliri el "klientismaj" kaj intrigitaj politikaj rilatoj.*




*Fotis Vincent Mouchel*

La manifestacio de la 1-a de oktobro 2005, por la administra reunuigo de Bretonio kaj por la agnosko de la bretona identeco en la departemento *Loire-Atlantique*, okazis en festa kaj popola etoso. Delegacioj veturis el la aliaj bretonaj departementoj (*Finistère*, *Côtes d'Armor*, *Morbihan*, *Ille-et-Vilaine*), sed la plej granda parto de la manifestaciantoj venis el *Loire-Atlantique* kaj kompreneble el *Saint-Nazaire*. "*Bretagne Réunie*" (Reunuigota Bretonio)[1] kontentis pri amasa partopreno de la loĝantoj el *Saint-Nazaire*.
La fiereco de multaj loĝantoj estis palpebla en la stratoj, je la paso de la defilado, kiu arigis, plian fojon, proksimume 6000 personojn. Kvankam la manifestacio estis haste preparita, en jara periodo ne tre favora al mobilizadoj, la partopreno en *Saint-Nazaire* estis komparebla kun tiu de la lastjaraj manifestacioj en *Nantes*, kie la loĝantaro estas kvarfoje pli multnombra ol tiu de *Saint-Nazaire*.
Organizita de "Reunuigota Bretonio", kun la subteno de *Conseil Culturel de Bretagne* (Kultura Konsilio de Bretonio)[2], de *Institut Culturel de Bretagne* (Kultura Instituto de Bretonio)[2], kaj de *Collectif breton pour les droits de l'Homme* (Bretona Kolektivo por Homaj Rajtoj)[2], la manifestacio ricevis ankaŭ la subtenon de




*La reunuigo fariĝos pere de la junuloj*

pluraj politikaj partioj reprezentitaj fine de la defilado: *Union Démocratique Bretonne* (Bretona Demokrata Unuiĝo), *Parti Breton* (Bretona Partio), *Verts de Loire-Atlantique* (lokaj Verduloj), *Association des élus municipaux bretons* (Asocio de bretonaj komunumaj konsilantoj)[2], *Emgann* (Batalo), *Alternatifs de Loire-Atlantique* (Alternativuloj), kaj *Union pour la Démocratie Française* (Unuiĝo por Franca Demokratio) reprezentita per la voĉo de *Bruno Joncour*, prezidanto de politika grupo en la regiona konsilio de Bretonio.

*Jean-Pierre Thomin*, vic-prezidanto de la Regiona Konsilio de Bretonio kaj *Patrick Mareschal*, prezidanto de *Conseil Général de Loire-Atlantique*, promesis pli gravan kunlaboron inter tiuj du bretonaj kolektivoj.

"Reunuigota Bretonio" rimarkigis kiom urĝas, ke la elektitoj engaĝiĝu por startigi, ĉe la registaro, antaŭ la regionaj balotoj de 2010, la procezon pri reunuigo de Bretonio .

("mailto:contact@cuab.org", "http://www.cuab.org").

Vivu Reunuigita Bretonio!

*Emile Granville*, prezidanto de "Reunuigota Bretonio".

*Bretagne Réunie – Comité pour l'Unité Administrative de la Bretagne* (Komitato por reunuigo de Bretonio) - [1] BP 49032, 44090 NANTES-Cédex 1.

Kontakto: 06.32.01.86.07. Si http://www.cuab.org" – Retadreso: contact @cuab.org

[2] Bretonaj asocioj.

---

**De unueco al historia apartigo**

**- 851**: Traktato de *Angers* inter bretonoj kaj frankoj: tiu traktato agnoskis la apartenon de la landoj de *Retz* (sudo de Luaro), de *Nantes* kaj de *Rennes* al Bretonio.

**- 1499**: Kontrakto pri edziĝo inter la Dukino Anna de Bretonio kaj la reĝo Ludoviko la XII-a: tiu kontrakto certigis "la rajtojn, liberecojn kaj suverenecojn de la Bretona Lando".

**- 1532**: Unuiga traktato kun la franca Reĝolando: la Duklando iĝas provinco sed ĝiaj limoj estas konservitaj, laŭ la volo de Anna de Bretonio.

**- 1790**: La departementoj anstataŭas la provincojn: Bretonio estas dividita en 5 departementoj. Laŭ la peto de la deputitoj de *Nantes* kaj *Rennes*, la historia limo iĝas departementa limo. Bretonio, forstrekita de la politikaj decidoj, pluvivas sub formo de sento pri aparteno al historia komuneco, kiu estas bazo de la bretona identeco.

**- 1941**: Dekreto de *Vichy* (ĉefurbo de ne-okupaciita Francio; tiu vorto fakte indikas la *Pétain*-reĝimon) je la 30-a de junio: tiu dekreto kreas la "regionon Bretonio" sen la departemento *Loire-inférieure*, (eksnomo de *Loire-Atlantique*), kunligita malgraŭ la elektitoj de *Nantes* al la regiono "*Loire*", kies ĉefurbo estas *Angers*. Provo sensekva pri regionigo, sed jam manifestiĝas la rifuzo de la centra povo restarigi Bretonion laŭ ĝiaj historiaj limoj.

**- 1955**: Kreado de "distriktoj pri regiona agado": iliaj limoj, desegnitaj de altrangaj ŝtatoficistoj, estos konservitaj dum la postaj etapoj de regionigo (1972 kaj 1982). Por Bretonio, rekomenciĝas la distranĉado inicita sub *Vichy*-regado, malvolonte akceptita de la nantaj estroj. Ili preferus, ke ilia urbo estu ĉefurbo de plilarĝigita Bretonio anstataŭ esti en la Luaraj Landoj.

*El diversaj fontoj D. H.*



*Standardaro de "gwen ha du"*[1]
*flirtis la 1an de oktobro en St -Nazaire*

[1]*gwenn* = blanka, *ha* = kaj, *du* = nigra "*gwenn ha du*" estas la koloroj de la bretona standardo. En Bretonio oni uzas plej ofte la terminon "*gwenn ha du*" por nomi la bretonan standardon. Jen la signifo :

1. Ĉe la maldekstra angulo de la flago, ermena kvartalo.
2. Naŭ egalaj bendoj alterne nigraj kaj blankaj, tradiciaj koloroj, kiuj elvokas : la blankaj, la keltbretonajn (*bretonnants*) landojn : *Léon, Trégor, Cornouaille, Vannes*; la nigraj, la latinidbretonajn (*gallos*) landojn : *Rennes, Nantes, Dol, St-Malo, Penthièvre*.

*Hèctor Alos i Font*

# Anem! Per la lenga occitana, òc!




Dek mil homoj manifestaciis por la okcitana en *Carcassona* la 22-an de oktobro malantaŭ la devizo *Anem! Per la lenga occitana, Óc!* (Ek! Por la occitana lingvo, jes!). Temas pri la unua granda amasiĝo por la okcitana, kaj ĝi okazis en mirinde vigla, festa, kolora kaj gaja etoso tra la ĉefaj bulvardoj de la urbo. Ĝi estis preparata laŭlonge de pluraj monatoj far la mult-asocia okcitanisma movado, kaj sukcesis kunigi partoprenantojn el ĉiuj partoj de la "okcitana spaco": gaskonojn, limoĝanojn, lengadokanojn, provencanojn kaj - tre videble kaj aktive - la okcitanojn el la piemontaj valoj. Arananojn reprezentis la respondeculino pri kulturo de *Conselh Generau* de la *Val d'Aran*, kiu staris ĉe la kapo de la manifestacio.

Okulfrapa estis la partopreno de multaj gejunuloj en lingva komunumo evidente maljuniĝinta.

### Gazetara manipulado

La manifestacio havis grandan similecon kun la 15.000-kapa surstratiĝo en *Roanzhon/Rennes* en 2003. La tiama subteno de okcitanoj igis ĉi-okaze reciproki la bretonojn, kiuj tre bunte defilis sub siaj flagoj. Tre videbla estis ankaŭ la partopreno de centoj da katalunoj.

La loka gazetaro informis frontpaĝe pri la manifestacio en la tago mem kaj en la posta, malkiel la pariza, kiu ĝin plene neglektis. Tamen fariĝis evidenta la manipulado de la loka eldono de *L'Indépendant*, kiu en la informoj en du internaj paĝoj vuale prezentis la aranĝon kvazaŭ fremdularan komploton: unuflanke, duono de la "hazardaj" intervjuitaj manifestaciantoj ne estis okcitanoj (bretono, eŭskino kaj kataluna sendependisto), kaj aliflanke ĝi troigis la partoprenon de katalunoj, konfuzante la miriadon da flagoj de la multnombraj provencanoj kun la katalunaj, ĉar efektive la flagoj estas samaj – restaĵo de iama komuneco. Fakte estis interese konstati ke la ioma apartismo de la provencanoj malkreskis, ĉar, kvankam la plimulto ne flirtigis la tuluz-krucan flagon okcitanan, sed sian propran regionan, tio estis preskaŭ neimagebla antaŭ jaroj.




***Vergonha***

La plej aŭskultata vorto de la finaj paroladoj en la impona kadro de la karkasonaj urbomuregoj estis *vergonha* (honto). Honto por la neengaĝiĝemo de la lokaj aŭtoritatoj pri la okcitana, kaj pri la malhelpoj, ĉikanoj, sabotado kaj mensogado reaj kaj regulaj en la internaciaj forumoj fare de la franca registaro. "*Nos prenon per de mèrdas*" (oni taksas nin fekuloj) klare resumis parolanto. *David Grosclaude*, prezidanto de *Institut d'Estudis Occitans*, promesis uzi la fortojn amasiĝintajn en la manifestacio por postuli antaŭ ĉiunivelaj respondeculoj – kaj unualoke ĉe la departementaj kaj la regionaj – la plialtigon de la investoj por la okcitana. En posta gazetara konferenco la organizantoj klarigis, ke en 2003 la (tamen nesufiĉa) mono, kiun la departementaj instancoj dediĉis al la bretona (entute 5 departementoj) estis 3,7 milionoj da eŭroj, dum la 22 okcitanaj sume atingis nur 1 milionon. Tamen, dum tiaj elspezoj estas afero de la departementoj, la ŝtataj aŭtoritatoj respondecas pri la nomumo de novaj instruistoj de la okcitana, kaj ili nur disponigas kelkdekojn en la teritorio kun 15-miliona, multege sub la postuloj de la lernantoj kaj gepatroj. Tiucele oni anoncis pli fortan kunordigon kun la aliaj naciaj malplimultoj, por kune lobii ĉe la ministerio pri edukado.

Dum la tago, kaj en la posta nokta muzika festivalo, oni sentis la alvenon de nova generacio de okcitanlingvanoj, parte edukitaj en *Calandretas* (privata reto de okcitanlingvaj lernejoj), kiu senkomplekse kaj nature uzas la okcitanan kaj edukiĝis en medio, kie la respekton al la lingvaj kaj homaj rajtoj oni konsideras kiel memevidentan atingeblaĵon, kaj kiuj sentas sin plene legitimitaj laŭte ĝin postuli. *H. A. i F.*




Subtena letero estis sendita de IKEL al tiu manifestacio:

*Karaj,*

*Nia asocio, la Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj, agas por la egalrajteco de ĉiuj popoloj. Tial ni sekvas kun granda intereso ĉiujn okazaĵojn por la renormaliĝo de la uzado de okcitana lingvo, kaj kun ĝojo salutas la manifestacion okazontan la 22-an de oktobro en Carcassona. Ĝi evidentigas la mobiliziĝon por la defendo de la lingvaj rajtoj de la okcitanoj, kiu videble kreskadas, malgraŭ ĉies konataj malhelpoj kaj ĉikanoj.*

*Okcitanio estas regula temo en nia revuo Etnismo: nia pasinta numero dediĉis al ĝi ok paĝojn, sed ankaŭ en la venonta aperos raporto pri la lasta Somera Okcitana Lernejo kaj pri la reeldono de la dulingva ret-revuo en la okcitana kaj esperanto EsperantÒc. Ni sentas, ke la okcitana, pro ĝia stato kaj grandeco, estas ŝlosila kazo, en kiu decidiĝas la estonto de multaj premataj lingvoj en Eŭropo, kaj pro tio ni sentas nin aparte atentemaj kaj engaĝitaj pri ĝi.*

*Ni tutkore esprimas nian amikecon kaj solidarecon kun via agado.*

*"Ek! Por la okcitana, òc!"* *H. A. i F.*

---

*Ĉiuj fotoj por tiu ĉi artikolo, kaj tiu de la fronta paĝo, estis faritaj de Sylvie Roques.*

*Hèctor Alos i Font*

# Survoje al pli granda memregado

La 30an de septembro la kataluna parlamento voĉdonis por nova Statuto de Aŭtonomio. Temas pri unuaranga leĝo laŭ la hispania jur-sistemo difinanta la rilatojn kaj distribuon de respondecoj inter la centra hispania kaj la aŭtonoma katalunia registaroj, kaj devus aktualigi la nun ekzistantan aprobitan en 1979.

De jaroj, la nunan jam 26-jaran statuton oni konsideris eksdata, sed dum la dua mandato de la Popola Partio (2000-2004), pro ties naciisma kaj ŝtat-centrisma agado, ĝia renovigo sentiĝis nepra en Katalunio.

Sendepende de la venkonta partio, la ĉefa celo de la nuna parlamenta periodo en Katalunio, komencita per la elektoj de novembro 2003, senkonteste estis la redaktado de nova Statuto. Sed kiam la Socialisma Partio venkis en la hispaniaj balotoj de marto 2004, montriĝis unika ŝanco, por ke la propono elironta de la kataluna parlamento estu akceptita de la ŝtata.

Laŭlonge de 19 monatoj, la kvin parlamentaj grupoj diskutis kaj kune redaktis la novan proponon. Estis klare de la komenco, ke la Popola Partio de Katalunio (15 el 135 parlamentaj seĝoj) fine voĉdonos kontraŭ ĝi, sed longa tradicio de lojaleco kaj reciproka estimo permesis, ke en unua lego estis interkonsentita de ĉiuj la larĝa plimulto de la artikolaro. En la fina voĉdono, 89% de la parlamentanoj akceptis la finan leĝoproponon en solena sesio. La festa etoso ne kaŝis ekstreme viglan negocadon, kaj eĉ dramecan lastapunktan interkonsenton, en la antaŭa tago, kiam la parlamento debatis ĝis la dua matene, ĝis estis atingita vortumado pri la ŝlosila ĉapitro pri financoj kontentiganta la kvar grupojn, kiuj subtenas la novan Statuton.

**Detala enhavo**

Post la lasta etapo de la PP-registaro, rezultis kristale klare, ke ĉio devis estis nigre sur blanke detaligita en la nova eldono de la statuto, por eviti malfavorajn unuflankajn legojn fare de la hispana registaro, kaj eĉ de la konstitucia kortumo, en kies membro-elektiĝo preskaŭ ne rolas la politikaj partioj de la periferiaj nacioj.

La nova statut-propono komenciĝas per bombasta antaŭparolo, sen jura valoro, en kiu oni memorigas pri la kontinua memregado de Katalunio dum jarcentoj, kaj deklaras la rajton de memdispono, kvankam ĝi poste ne aperas en la jur-valida parto. Tiu antaŭparolo, analoga per sia retoriko al multaj konstitucioj, vekis eĉ histeriajn kriojn en Hispanio (vidu la apudan artikolon).

Kvankam la politikaj deklaracioj ankoraŭ preskaŭ ne pritraktas tion, laŭ la spertuloj la Statut-propono levos du ĉefajn diskutojn: la starigon de duopaj rilatoj parti-egalaj inter Hispanio kaj Katalunio en kreotaj aŭ reformotaj lig-organoj, kaj la distribuon de la mon-rimedoj inter la Ŝtato kaj la Aŭtonoma Komunumo.

**La lingvoj en la statuto**

El etnisma vidpunkto, plej interesa estas la sesa artikolo pri la oficialaj lingvoj. Kiel en la antaŭa Statuto, ĝi deklaras, ke la kataluna estas la lingvo "propra de la lando" kaj ke "ĝi estas la normala kaj prefera lingvo de la publikaj administracioj kaj de la katalunaj publikaj amaskomunikiloj". Ĝi enkondukas ankaŭ la esencon de tio, kio antaŭe estis difinita en la Leĝo pri Lingva Politiko, nome ke la kataluna estas la "kutima pera kaj lerna lingvo en instruado".

La dua punkto de la artikolo bone ekzempligas la stilon de la Statuto:

"La kataluna estas la oficiala lingvo de Katalunio. Tia estas ankaŭ la kastilia, oficiala lingvo de la Hispana ŝtato. Ĉiuj homoj en Katalunio havas la rajton uzi kaj la rajton kaj la devon koni la du oficialajn lingvojn".

Kiel en la antaŭa Statuto, la hispana (kastilia) estas agnoskita kiel oficiala lingvo kvazaŭ nur pro sia oficialeco en la ŝtato. Sed, malkiel antaŭ 26 jaroj, egaliĝas la rajtoj kaj devoj de la civitanoj (eĉ de ĉiuj loĝantoj) pri la kono de la du oficialaj lingvoj: la hispana Konstitucio deklaras deviga nur la konon de la kastilia, sed la Statuto samrangigas la du lingvojn. Samtempe ĝi starigas ankaŭ la principon, ke la aktiva uzado de unu aŭ alia lingvo estas individua rajto.

Tiuj punktoj, kaj aliaj, estas diskutataj pro sia eventuala kontraŭkonstitucieco. Kvankam la konsulta jur-organo de la kataluna parlamento pravigis la tekston, kelkaj renomaj juristoj esprimis dubojn pri difinitaj punktoj.

La diskutoj en la hispana parlamento longiĝos ĝis marto aŭ aprilo, kaj oni kalkulas, ke la referendumo por ĝia aprobo okazos en junio. Tamen tiu ĉi kalendaro estas tre ŝanĝebla, pro la eksterordinare batalema opozicio de la Popola Partio. *H. A. i F.*

## Senbrida naciismo en la hispana dekstro

Tuj post la elektiĝo de la nova kataluna registaro – koalicio de socialistoj, maldekstraj sendependistoj kaj ekosocialistoj –, en decembro 2003, *Manuel Fraga*, la honora prezidanto, fondinto de la Popola Partio kaj ministro dum la faŝisma reĝimo memorigis en parolado pri la konstitucia devo de la armeo konservi la unuecon de la patrujo. Tiaj pli-malpli vualitaj minacoj al puĉo, apenaŭ kredeblaj en preskaŭ 20-jara membroŝtato de Eŭropa Unio, fariĝis de tiam periodaj en la hispanaj ekstreme naciismaj amaskomunikiloj. Tamen, post la aprobo de la propono de nova Statuto de Aŭtonomio fare de la kataluna parlamento, ili fariĝis preskaŭ ĉiutagaj. *Antonio Burgos*, opiniisto de la madrida ĵurnalo ABC, epitetis la proponon puĉo, same kiel lia kolego *Carlos Dávila* de la pli ekstrema *La Razón*, kiu eĉ taksis ĝin "pli terura" ol la fiaska armea puĉo de 1981, kiam la registaro kaj la parlamento estis kidnapitaj de ĝendarma roto kaj tankoj surstratiĝis en Valencio. Ĝuste *Alfonso Ussía*, de *La Razón*, taksis tute ebla, ke tankoj baldaŭ promenos tra la ĉefaj katalunaj urboj. Jam dum la periodo de lia regado, la danĝero de "balkaniĝo" de Hispanio estis fiks-ideo de la prezidanto de la registaro *José María Aznar*, kvazaŭ li inklinus al konkurado kun la iamaj serbaj gvidantoj. En tiu ĉi okazo, ne nur li relanĉis la teruran minacon, sed ankaŭ la direktoro de la dua ĉefa ĵurnalo de Madrido, *El Mundo*, tre proksima al la Popola Partio. Tamen, la plej akran tonon, kiel kutime, uzadas la ŝovinisma radio-ĉeno COPE, posedata de la hispana katolika episkoparo, kaj la ekstremisma *Diario de Valencia*, i. a. taksinta

la katalunan parlamenton “fanatika”.
Entute, la propono de Statuto ricevis laŭtan malaprobon en Hispanio, kaj tre aparte el la vicoj de la Popola Partio, kies ĉiunivelaj gvidantoj kvazaŭ konkuras serĉante kiel eble plej malestimajn adjektivojn. *María San Gil*, prezidantino de la eŭskia PP, eĉ asertis, ke la katalunia Statuto estis “oksigena balono por ETA”, la eŭska armita organizaĵo. Ankaŭ kelkaj elstaraj membroj de la Socialisma Partio kvazaŭ partoprenis la ludon, kiel *Francisco Vázquez*, prezidanto de la Hispana Federacio de Municipoj kaj Provincoj, kiu esprimis, ke la antaŭparolo de la statuto, kie oni deklaras Katalunion nacio, “kaŭzas al li urtikarion”. Plej alarmaj estis la deklaracioj de ĉefstabestro *Félix Sanz Roldán* pri la “maltrankviliĝo” de la armeo pri la uneco de Hispanio, sed tio ne kaŭzis admonon, almenaŭ publikan, fare de liaj registaraj superuloj pro la devo de armeanoj silenti en politikaj debatoj. Ankaŭ la prezidanto de la Banko de Hispanio, sindikatestroj kaj eĉ la hispania ombudsmano montris siajn rezervojn pri la propono.

*H. A. i F.*

## La okcitana oficialigita en la tuta Katalunio

La nova statut-propono difinas Valon de Arano kiel “okcitanan nacian realaĵon”, kun “singulara” karaktero en Katalunio, kaj donas al “la okcitana lingvo, nomata arana en Arano”, la karakteron de “propra kaj oficiala lingvo” en ĉi tiu teritorio “kaj ankaŭ en Katalunio”.
Tute ne estas klare, kion ekzakte signifos la oficialeco de la okcitana, parolata en la 9000-homa Arano, kadre de la 7-miliona Katalunio, sed kiel la proparolanto de la kataluna registaro asertis dum la parlamenta debato “Katalunio deziras por Arano tion saman kiel por si” kaj substrekis tiun tutlandan oficialecon, postulatan de la katalunismaj partioj por la kataluna en la tuta ŝtato.
La okcitana estas de jaroj la sola pera lingvo de elementa instruado en Arano, analoge al la kataluna en Katalunio. Ĝi estas simbole uzata ankaŭ de kelkaj tutlandaj institucioj, kiel la parlamento, kies TTT-ejo estas legebla ankaŭ en ĝi. Ĝi estis uzata ankaŭ dum la debato de tiu artikolo en la parlamento.
Tamen, la progreso ne plene kontentigas la arananojn, kiuj sensukcese postulis, ke la aparteco de la valo estu agnoskita en la statuto per tio, ke ĝi ne enkadriĝu en pli grandan administran dividon, en la baldaŭ diskutota regiona divido de Katalunio. *H. A. i F.*

# En EU oficialiĝis la irland-gaela: estas nun 21 la oficialaj lingvoj

(ANSA) - BRUSELO, la 14-an de junio 2005 - La irland-gaela fariĝis unu el la oficialaj lingvoj de Eŭropa Unio. La decido, kiu ekapplikiĝos la 1-an de januaro 2007 por lasi al la eŭropaj institucioj la tempon rekruti la necesajn tradukistojn, estis farita de la ministroj de eksteraj aferoj de la 25 membro-ŝtatoj okaze de la lasta Konsilio. Kun la irland-gaela, la oficialaj lingvoj de EU estas nun 21.
La aliaj estas la angla, ĉeĥa, dana, estona, franca, germana, greka, hispana, itala, latva, litova, madjara, malta, nederlanda, pola, portugala, slovaka, slovena, suoma kaj sveda.
Kaze de la malta, la eŭropaj institucioj renkontis malfacilaĵojn por trovi tradukistojn kaj interpretistojn kaj, ĝenerale, la reprezentantoj de Malto akceptas ricevi tekstojn en la angla.
Ankaŭ por Irlando la tekstoj estas nuntempe en la angla. La gaela estas parolata aŭ komprenata de nur parto de la loĝantaro. Laŭ la popolnombrado de 2002, el ĉ. kvar milionoj da loĝantoj nur 1,4 milionoj asertis ke ili kapablas paroli la irland-gaelan. En kelkaj landopartoj temas tamen pri 80% de la loĝantaro.
La uzado de la origina lingvo de la lando koncernos ĉefe oficialajn aktojn. En la kunvenoj ne uzatas ĉiuj 21 EU-lingvoj, sed ĝenerale nur la laborlingvoj (angla, franca kaj germana, ĉefe la du unuaj). La ministroj pri eksteraj aferoj ankaŭ akceptis la uzadon, en kelkaj cirkonstancoj, de lingvoj kiujn la konstitucio de membro-ŝtato agnoskas en ties tuta teritorio aŭ en parto.
La Konsilio opinias ke, kadre de la streboj farataj por pliproksimigi la Union al la tuto de sia loĝantaro, la riĉaĵo kiun reprezentas la eŭropa lingva diverseco devas esti konsiderata", oni povas legi en la rezolucio aprobita de la ministraro, laŭ kiuj "la Konsilio opinias ke la ebleco por la civitanoj uzi pliajn lingvojn en sia rilatoj kun la eŭropaj institucioj estas grava faktoro de plifortigado de ilia identiĝo kun la politika projekto de EU".
Tiuj lingvoj povos esti uzataj, je antaŭe prezentita demando, en la tradukado de aktoj, paroladoj kaj skribaj komunikaĵoj kadre de la institucioj aŭ organoj de EU. En ĉiuj ĉi kazoj la kaŭzitaj elspezoj estos pagendaj de la ŝtatoj prezentintaj la demandon.
Temas precipe pri la kataluna, la eŭska kaj la galega. La loĝantoj de la respektivaj hispaniaj regionoj ricevas jam nun, se ili tion petas, eŭropajn dokumentojn en siaj lingvoj, koste de la hispana ŝtato. (ANSA).

---

Pliaj informoj:

- BBC: Irish language recognised by EU:
<http://news.bbc.co.uk/1/hi/northern_ireland/4088828.stm>

- USA Today: Gaelic language gets official EU status:
<http://www.usatoday.com/news/world/2005-06-13-gaelic_x.htm>

Esperantigis: ***Daniele Vitali***

*Nicole Margot*

# Renkonto kun mapuĉa ĉefino en Ĝenevo

*La 30-an de junio junaj mapuĉoj loĝantaj en Ĝenevo organizis renkonton kun sametna ĉefino el Ĉilio, kiu vojaĝis al Ĝenevo por deponi plendon kontraŭ la ĉilia estraro ĉe la Internaciaj Organizoj kaj por partopreni la internacian semajnon por la aŭtoktonaj popoloj (18-22 de julio 2005).* ***Etnismo*** *jam dufoje parolis pri la drama situacio de tiuj indianoj kies teroj situas ambaŭflanke de la landlimo inter Argentino kaj Ĉilio. Mi iris ŝin aŭskulti. Ŝi rakontis, akuzis senĝene, digne. Kion ŝi rakontis, niaj legantoj certe jam konas tra artikoloj, statistikoj ktp. Ĉi-tie mi volis doni la parolon al individuo, al virino, kiu parolas pri siaj spertoj. Mi uzis ŝiajn vortojn kaj lasis lokon al emocio. Certe je la fino de ŝia parolado vi juĝos sian sintenon ne racia kaj malefika, ankaŭ mi miris, sed mia intenco ĉi-tie ne estas juĝi, nur aŭskulti kaj aŭskultigi.*



*Juana Calfunao Paillalef* (sur la supra foto) akceptis nin je la enirejo de la kunvenejo salutante ĉiun alvenanton. Alta virino, ŝi elradias pacan forton, atenton al ĉiuj ĉeestantoj. Ŝi petis, ke la seĝoj estu cirkle aranĝitaj por krei etoson de interhoma komunikemo. Ŝi regis dum la kunveno kiel en sia komunaĵo.

*Juana Calfunao Paillalef* estas "*lonco*[1]", ĉefo de la mapuĉa komunaĵo *Juan Paillalef* en la komunumo de *Cunco*, sektoro de *Curaco*, 9-a regiono de Mapuĉio, proksime de *Temuco*.

*Juana Calfunao Paillalef* rakontis: ŝia komunaĵo fondiĝis en 1807. Ŝia praavo, poste ŝia avo luktadis por ke la komuna tero ne estu malgrandigita. Tiu lasta estis mortbatita en karcero. Ankaŭ ŝia avino estis mortigita kun siaj infanoj far bienposedanto. Nur la patrino de *Juana Calfunao* supervivis. Tiuj krimoj restis ne punitaj. Dum la regado de la prezidento *Allende* ŝia patrino ricevis la kontrolon de siaj teroj. Sed ŝi estis senprocese enkarcerigita dum la sekva diktaturo de *Pinochet*. Kaj la komunaĵo estis disigita (disartikigita, diras *Juana Calfunao*). Samepoke *Juana* ankoraŭ infana estis batita de policistoj ĝis rompo de kruro.

Je la fino de la *Pinochet*-diktaturo la komunaj teroj restis perditaj. "Proksimaj al rivero, kun insuleto, ili estis tro belaj por indianoj" diras *Juana Calfunao*. En 1990 la komunaĵo estis restarigita kaj *Juana* promesis retrovi la terojn por kiuj bataladis 3 generacioj. Tiun promeson ŝi faris al sia patrino, kaj ankaŭ al sia popolo.

Kun valida posedtitolo de tiuj teroj ŝi iris antaŭ tribunalo por rekonigi la rajtojn de la komunaĵo. Sed sekve al tio ŝi estis persekutita tage kaj nokte de apud-militista taĉmento.

En 2001 elektra entrepreno instalis 6 vicojn de 14 elektraj fostoj sur la komuna tero, vasta je 30 hektaroj. La luktado de *Juana Calfunao* ne estis ŝatata de la politika povo. Ŝi adiciis la du malvirtojn: esti indiano kaj esti virino. La saman jaron policisto, civile vestita, ŝin provokis, ŝajnigante ke li volis ŝteli ŝiajn juvelojn por poste ŝin denunci, kredigante, ke ŝi agresis lin. Ŝi estis arestita, kondukita al komisarejo de *Temuco* kun sia edzo kaj sia filo. Malvestigita, strangulita per siaj harplektaĵoj, surtretita, ŝi perdis naskotan infanon, ŝi restis 5 tagojn en karcero. Tiu fakto estis raportita de *Amnesty International*. Juĝita de militista tribunalo, ŝi ne plu rajtis eliri sian komunuaĵon. La 6-an de marto 2002 ŝi volis konduki sian filon al internulejo en *Temuco*. Rekonita de la polico ŝi estis arestita, ankaŭ ŝia filo, kiu volis ŝin defendi. Sekve al tio ŝia filo devis ĉiusemajne iri al *Temuco* por subskribi paperojn. Tiam du punoj estis kumulitaj.

La 26-an de junio 2004 homoj venis incendii la domojn de la komunaĵo kaj murdi ŝian onklon. Kiam plendo estis deponita oni akuzis la onklon pri ebrieco, sed neniu alkoholspuro estis malkovrita en lia korpo. Ok tagojn poste venis fajrobrigadistoj kaj policistoj por konstati la damaĝojn, sed ili venis post grandega pluvo, kiu forviŝis la spurojn de la incendio. "Ne estas justeco por indianoj. Tial mi venis al Ĝenevo ĉar oni ne baras la vojon de la mapuĉoj!" Tie denove *Amnesty International* konstatis, ke tiu afero restis senpuna.




ujm

"Eŭropo ege kulpas pri la historio de la indianoj" diris *Juana Calfunao*. Hispanio kruele malrespektis kulturan diversecon. Kaj hodiaŭ transnaciaj firmaoj venas detrui la loĝlokojn de la indiana popolo. Ili volas kontroli la akvon kaj la terojn, subtenite de la prezidento *Bush*".



Post la *Pinochet*-diktaturo ekestis espero, sed la indianaj teroj ne estis respektataj kaj malgraŭ leĝoj protektantaj teorie la mapuĉojn, la murdoj kaj perfortoj daŭras. Estas planoj por la ekspluatado de la indianaj teroj, kiuj detruas la lokan vimanieron: plantado de eŭkaliptoj kaj pinarboj, kiuj mortigas la teron. Oni konstruas tutamerikan aŭtovojon...

La filo de *Juana* studas juron por defendi sian popolon, ankaŭ li estis foje atakita elirante la universitaton. *Juana* opinias, ke ŝi devus esti ĉu handikapita, ĉu en frenezulejo post tiom da batoj. "Tio estas la ĉiutaga vivo de ĉiuj indianaj virinoj!".

Ŝi venis al Ĝenevo ne por peti favoron, sed por postuli helpon, "la interezojn de la sumo pagita de ŝiaj praavoj".

*Juana* parolis pri sia ĉiutaga vivo, ŝi cirkuligis fotojn de sia domo, lade rekonstruita post la incendio. Ŝia komunaĵo konsistas el 6 ĝis 20 familioj. Antaŭe ili konsistis el 4000 familioj. La komunaĵo estis plurfoje "disartikigita", multaj familioj fuĝis la komunaĵon laciĝante pri senĉesa luktado. En la komunaĵo ne estas elektro, tial kompreneble neniu komputilo, kaj *Juana* devas iri 50 kilometrojn for por malfermi sian retan mesaĝujon. *Juana* planas konstrui centron en sia komunaĵo, samtempe kuracan, instruan, kulturan kaj tutsimple kunvenigan. Ŝi jam petis planojn de arkitekto kaj ilin montras. Kaj por tiu konstruo ŝi kolektas monon. La filozofio de *Juana Calfunao* konsistas el respekto al homoj kaj al naturo, kaj laŭ tiu filozofio ŝi deziras gvidi la vivon de sia popolo.

Pli ol 50 aŭskultantoj pasie atentis ŝiajn vortojn, hispanlingvanoj, ĉefe sudamerikanoj, indianoj el Kolombio, Peruo ktp. Malmultaj aspektis svise. *Juana Calfunao* esprimiĝis hispanlingve kaj kolombianino tradukis. Alia mapuĉa virino delonge ĝeneviĝinta subtenis ŝiajn dirojn. Pluraj indianoj, inter ili keĉuanino, parolis pri siaj spertoj kaj problemoj. Ĉilia juna viro atestis, ke en sia lando li neniam aŭdis pri la problemoj de la mapuĉoj. Li nur konsideris ilin kiel drinkulojn de la ĉirkaŭurboj. Pluraj demandis kiel ŝin helpi. Ĉu ŝi batalas kun tutmapuĉa asocio? Ĉu ŝi dezirus, ke ĝeneva asocio estu ŝia laŭtilo en la internacia urbo?



*Kolombianino franclingven tradukas la rakonton de Juana Calfunao*

Mirige *Juana Calfunao* respondis, ke jes, ekzistas iu Konsilantaro pri Indianaj Teroj, sed ne, ŝi ne volas kunlabori, ŝi volas agi sole. Ne, neniu povas paroli je ŝia nomo. "Se vi volas, ke mi tie esprimiĝu, pagu al mi la bileton al Ĝenevo, nur mi povas paroli pri mia popolo". *N. M.*

Adreso de la komunaĵo:
Communidada Mapuche Juan Paillalef, comuna CUNCO, sector Curaco 9na Región Territorio Mapuche (Wal Mapuche) Chile.
Tel: 516 3664 . 09-3949681
Retadreso: communidadjuanpaillalef@yahoo.com

[1] *Lonco*: nomo donita al ĉefoj, kiu signifas: pensulo, saĝulo.

La mapuĉaj indianoj luktadas ekde pli ol unu jarcento por la duobla defendo de siaj teroj kaj de sia propra ekzisto kiel popolo. En la sudo de Ĉilio kaj de Argentino la mapuĉoj ricevis en la 17-a jarcento la rekonon de siaj teroj fare de la hispana krono. Ekde la sendependiĝo de Ĉilio, komence de la 19-a jarcento, la mapuĉoj perdis 95% de siaj posedaĵoj. Kun la zorgo firmigi la ĉilian naciŝtaton la posteŭloj de la *conquistadores* tuj senigis ilin de la rajto mastrumi sian teron. Eksproprietigitaj de la grandaj bienposedantoj sub la reĝimo de *Pinochet,* ili nun estas forpelataj de arbaristaj firmaoj multnaciaj.

La mapuĉa filozofio staras sur harmonio inter homoj kaj naturo, esenca valoro de ilia ekzisto. La vorto "mapuĉo" signifas "homo ligita al la tero". La perdo de ilia tereno provokas la perdon de ilia identeco. Plie la ĉilia ŝtato ilin kriminaligas konsiderante ilian lukton kiel terorismon. Kovrita de kontraŭterorista leĝo heredita de *Pinochet* la ĉilia milico turmentadas la mapuĉajn gvidantojn, kiuj restadas en karceroj sekve al absurdaj akuzoj post ne justaj procesoj....

*El La Libre Belgique, 2004*



Meze de la mapuĉa standardo staras ilia kalendaro, kun la simboloj, kiuj ligas la mapuĉojn al la tero kiel al patrina utero el kiu la naturo ĉiujare renaskiĝas.

---

- Informoj en esperanto:
***Etnismo:*** no **32** p. 9-10, no **67** p. 12, no **74**, , p. 2 kaj **75**, p.11.
http://www.lingvo.info/lf/mapudungun.php?kat=pol&lingvo=eo
- Informoj en la franca, germana kaj nederlanda:
http://www.mapuches.org/
- Vortaro mapuĉa-franca:
http://www.freelang.com/dictionnaire/mapuche.html

*Daniele Vitali*

# Sierra Nevada de Santa Marta

Apud la montaro *Sierra Nevada de Santa Marta*, Kolombio, kvar indiĝenaj etnoj vivis iam feliĉe kaj en plena harmonio kun la naturo: temas pri la kankuamoj, aruakoj, kogioj kaj ŭiŭaoj (hispanlingve: *Kancuamos, Arhuacos, Koguis kaj Wuiwas*). Poste alvenis la hispaniaj koloniistoj, kiuj forpelis la kvar homgrupojn el la ebenaĵo por alproprigi al si agrikulturan grundon. La indiĝenoj retiriĝis pli alten, kaj dum jarcentoj vivis en la montaro. Tio estis komence kultura ŝoko, ĉar tiu parto de la *Sierra* estis por ili sankta, sed ili sukcesis adaptiĝi al la lokaj, pli malfavoraj kondiĉoj, kaj vivis trankvile danke al la netuja ekspluatebleco de la montaro.

Dume la jarcentoj pasis, kaj la teĥnologiaj kapabloj de la moderna mondo perfekte scias kiel utiligi la naturajn riĉaĵojn kaj turismindajn belaĵojn de *Sierra Nevada de Santa Marta*. Tial komenciĝis granda premo sur tiuj popoloj, plej sentebla en la kankuama komunumo, kiu estas geografie plej proksima al la ebenaĵo. Kvankam la premon kaŭzas la ekonomiaj interesoj, tiu ĉi konkretiĝas per daŭraj atakoj de la *paramilitares* (privataj trupoj kreitaj de bienistoj por sindefendo kontraŭ la marksisma gerilo. La rezulto estas mortotaĉmentoj, kiuj fuĝigas la kamparanojn el ties teroj por pliriĉigi kaj -potencigi la bienistojn mem), kun kompliceco de la kolombia registaro, kiu ne intervenas por ĉesigi perforton kaj ne pagas la jam buĝetitan monon por solvi la teruran humanitaran krizon en kiu troviĝas tiuj indiĝenaj popoloj de Kolombio.

Dume *Leonor Zalabata*, ĉefino de la aruaka komunumo, asertis ke "la situacio de la indiĝenoj de *Sierra Nevada* ne povus esti pli malbona" kaj apelaciis al internacia helpo. Ankaŭ la aliaj komunumoj estas luktantaj por savi sian rajton je libera estonteco.



*Imer Villazón Aria kaj Daniele Vitali*

La IKEL-prezidanto *Daniele Vitali* renkontis en Dublino s-ron *Imer Villazón Aria*, senditon de la akuakoj al Eŭropo por serĉi subtenon ĉe la Eŭropa Unio kaj *Survival International*. De li ni eksciis ke jam pli ol 250 homoj de lia komunumo estis murditaj, 80% el ili fare de *paramilitares*, kaj pli ol 3.000 devis forlasi sian teron. Li ankaŭ rakontis la historion de tiuj kiujn oni laŭpretekste enkarcerigas - unu el ili, *Gabriel Turbay Alvarado*, mortis pro ĉagreno, ĉar li ne komprenis kial li estis malliberigita. Por protesti kontraŭ la situacio en Kolombio, IKEL sendis en novembro 2005 protest-leteron al la prezidento de Kolombio. Ĉi sube vi trovos specimenon da tia letero en la hispana. Ankaŭ vi skribu al la kolombiaj aŭtoritatoj por protesti! *D.V.*

Por scii pli:
www.onic.org.co
www.etniasdecolombia.org

---

Specimeno de letero:

*Señor Presidente Álvaro Uribe Vélez*
*Presidente de la República*
*Palacio de Nariño*
*Carrera 8 No.7-2*
*Bogotá, Colombia*
*Fax: + 57 1 337 5890/342 0592*

*Excmo. Sr. Presidente Uribe,*

*soy miembro del Comité Internacional para las Libertades Étnicas, y le escribo porque estoy profundamente preocupado por la situación de los indígenas Kancuamos, Arhuacos, Koguis y Wuiwas en la Sierra Nevada de Santa Marta. En el pasado, estos cuatro pueblos fueron expulsados de sus tierras y se vieron obligados a refugiarse en tierras cada vez más altas. Ahora los paramilitares los están atacando otra vez para adueñarse también de las tierras más altas. Es bien sabido que miles de personas están desplazados en todo el país, en condiciones socio-económicas y culturales dramáticas. Todo lo que quieren es vivir a su manera en su tierra, y estoy convencido que las autoridades colombianas pueden ayudarles a conseguir este objetivo.*

*Por este motivo acudo a usted, Señor Presidente, para que el Estado colombiano cumpla con sus promesas de respeto para los indígenas y destine los recursos previstos para los habitantes de la Sierra Nevada de Santa Marta. En este marco es particularmente importante que el año pasado el señor Eduardo Álvarez, delegado por la Presidencia de la República, visitó a los Kancuamos, Arhuacos, Koguis y Wuiwas en la Sierra Nevada de Santa Marta y declaró que el gobierno invertiría en el Plan Colombia más de 10.000 millones de pesos colombianos en la Sierra Nevada.*

*Pienso, como muchos otros en Europa, que estos recursos deberían ser utilizados de manera rápida y transparente para acabar con la persecución de los indígenas y garantizar la seguridad y el bienestar de estos ciudadanos pacíficos víctimas de las agresiones de los paramilitares.*

*Respetuosamente me despido de usted,*

Via subskribo

# Nova bolonja gramatiko




*Daniele Vitali, Dscårret in bulgnaiṡ? Manuale e grammatica del dialetto bolognese, Ozzano Emilia : Perdisa 2005. Verbaj tabeloj de Roberto Serra, lingva kontrolado de Luigi Lepri, kun du KD-oj, XVIII + 326 paĝoj, ISBN 88-8372-250-7, prezo 18,50 €*

En junio 2005, en la librovendejoj de Bolonjo, ĉefurbo de la padia regiono Emilio-Romanjo, aperis libro, kiu ne havas similaĵojn en Italio: temas pri bolonja lernolibro, kun tabeloj pri la verbaj konjugacioj, klarigoj pri konkordado de adjektivoj, la reguloj por skribi en la norma ortografio, ktp. Sendiskute ekzistas gramatikoj ankaŭ por la milana, veneta, piemonta ktp, sed ĉi tiu bolonja libro plenas je novaĵoj.

Antaŭ ĉio, ĝia ordo ne estas laŭtema sed laŭ kreskanta grado de malfacileco, kiel oni faras por la lernolibroj pri fremdaj lingvoj: oni komencas per la ortografio, en la sekva leciono oni trovas personajn pronomojn kaj la verbon *fèr* (fari), poste la verbojn *èser* kaj *avair* (esti, havi) kaj simile. Tamen oni ne pensu pri griza serio da malfacilaj klarigoj: la gramatika materialo estas klarigata per amuzaj tekstetoj kie rolas bolonjaj figuroj kiel *Carólla*, maljunulino kiu improviziĝas detektivo simile al *Miss Marple* de *Agatha Christie*, ŝia nevo *Pèvel*, la ĉarma *Luzî*, la kamparaj geonkloj kaj multaj aliaj. Post iliaj aventuroj oni klarigas la gramatikaĵojn renkontitajn en la tekstoj, helpe de amaso da ekzemploj, de glosaroj kaj aro da ekzercoj (kun solvoj fine de la libro, por helpi al memlernantoj). Fine de la volumo oni trovas poemojn kaj rakontojn de konataj bolonjaj aŭtoroj, kiel *Luigi Lepri*, *Gastone Vandelli*, *Gaetano Marchetti* kaj *Sandro Sermenghi*, kaj apendicon pri la bolonjaj verboj.

Legante la libron oni sentas, ke oni ekŝatas la rolantajn figurojn, ankaŭ danke al amuzaj ilustraĵoj montrantaj la aventurojn de s-ino *Carólla* kaj de ĉiuj aliaj. Alia novaĵo estas ke la libron akompanas du KD-oj, kun la voĉoj de denaskaj parolantoj kiuj legas la tekstojn, kaj kun tri vaste konataj bolonjaj kantoj.

La aŭtoroj ankaŭ zorgis pri "interaktiveco": ekzistas retejo dediĉita al la gramatiko: <www.bulgnais.com/manuale.html>, kun informoj kaj novaĵoj pri la libro, kie oni ankaŭ povas peti pliajn klarigojn kaj ekzercojn.

La nova bolonja gramatiko estos adoptita kiel lernolibro en la kursoj pri la bolonja kiuj ĉiujare organiziĝas en urba teatro kaj kies lasta sekcio havis 120 lernantojn! Komparu: <www.bulgnais.com/corso.html>. La libro aĉeteblas ankaŭ en la reto, ekzemple en la TTT-ejo de la eldonisto:
http://bizet.albertoperdisa.itshowprodIT.xml?code=88-8372-250-7.

*La redakcio*

# El esperantistaj gazetoj

### Etnismaj temoj el Monato

En la lastaj numeroj de la revuo **Monato** troviĝas pluraj artikoloj interesaj por etnistoj:

**En la somera numero (07-08.2005)**

- p. 28-29: "***Ethnologue* listigas 7299 lingvojn**" Ni povas legi pri plej granda reta prilingva enciklopedio en la mondo, *Ethnologue,* kiu raportas pri 7299 lingvoj el kiuj 6912 estas vivantaj. La plej nova 15-a eldono de *Ethnologue* estas senpage konsultebla en Interreto. En tiu artikolo ni interalie vidas, ke *Ethnologue* konsideras lingvoj tiujn kiuj posedas presaĵon, inter alie la Biblion. Vasta difino, opinias **Monato**: "Ĉu tio sufiĉas por nomi ĝin lingvo?" Estas eraroj, asertas la aŭtoro de la artikolo *Paul Peeraertz,* ekzemple pri la nederlanda regiono: "*Ethnologue* konsideras la flandran aparta lingvo, ĉar laŭ ĝi ekzistas en la flandra revuoj kaj vortaro. Tiu flandra lingvo estus parolata en la belga provinco Okcident-Flandrujo, en la nordo de Francio kaj la sudo de Nederlando. Sed, plukomentas *Ethnologue*, la ortografio de la flandra en la tri diversaj ŝtatoj (Belgio, Francio, Nederlando) estas alia. Mi tre avidas vidi „flandrajn" revuojn en la franc-flandra ortografio, en la belg-flandra kaj en la nederland-flandra ... Mi tamen forte dubas, ĉu iu trovos ilin". www.ethnologue. com
- p. 31: "**Barato, formortis pluraj lingvoj**". "Kun la morto de Reĝo *Jirake* en aprilo, mortis la lasta tribano, kiu sciis ĉiujn dek variantojn de la granda-andamana lingvo. Tial, krom la ceteraj 49 anoj de lia tribo, funebris lian morton ankaŭ la esploristoj de la universitato *Jawaharlal Nehru* en Nov-Delhio, kies laboro kompili trilingvan vortaron (en la granda-andamana, angla kaj hindia) ricevis gravan baton".

*A Giridhar Rao*

**En la septembra numero (09.2005)** ni trovas artikolon de la sama aŭtoro.

- p. 21 "**Gepatralingva edukado por indiĝenoj**". "La departemento de la elementa edukado de la registaro de **Andrapradeŝo** preparis lernolibrojn en la indiĝenaj lingvoj *adivasi*, *orija*, *banĝara*, *gondi*, *koja*, *kolami*, *konda*, *kuvi* kaj *savara*. Oni organizis serion da labortendaroj kaj konsultadoj, kiuj uzis la fakecon kaj spertecon de pluraj homoj kaj organizaĵoj – instruistoj de la tribaj lingvoj, lingvistoj de universitatoj en Hajderabado, la ĉefurbo de Andrapradeŝo, registaraj instancoj pri tribaj aferoj, lokaj neregistaraj organizaĵoj, internaciaj organizaĵoj

por la evoluigado kaj organizaĵoj, kiuj havas sperton pri multlingva edukado".

**En la novembra numero (11.2005)**:

- "Marĝene - sed sametne" *Garbhan Macaoidh* rakontas pri la nomada komunumo de Irlando, kiu sekvas ciganisman vivmanieron, sed ne estas etne cigandevena. Samoriginaj komunumoj vivas en Britio kaj Nord-Ameriko. Ili havas apartan lingvaĵon sed "ne estas ĝenerale akceptita konsento pri la origino de la nomadoj, sed nenio indikas, ke ili ne havas la saman devenon de la aliaj irlandanoj".

**En la decembra numero (12.2005)**:

- p. 13: Eseo, Literaturo: "La gaela romanarto". Temas pri la malgranda gaela komunumo en Skotlando, kies denaskaj parolantoj estas nun eta malplimulto, vivante precipe en nordokcidenta Skotlando. Ĝia hodiaŭa literaturo aparte surprize floradas. "Malgraŭ la longa historio de la gaela literaturo, romanoj, en la moderna senco de la vorto, aperis tre malfrue". La unua skotgaela romano *Dùn Àluinn* (Belkastelo) de *Iain Mac Cormaic* aperis en la jaro 1912. En 2003 aperis "*An Oidhche mus do Sheòl Sinn*" (La nokto antaŭ nia forvojaĝo) de *Aonghas Paàdraig Caimbeul,* kaj de la sama aŭtoro, en 2005 "*Là à àanamh Sgeil do Là*" (Tago al tago transdonas diron). Per tiuj du verkoj la moderna gaela romanarto unuafoje atingis nivelon kompareblan kun tiu de aliaj gravaj verkoj de la monda literaturo.

# Koncize el...

**Okcitana Somerlernejo**: Meze inter *Tolosa* (Tuluzo) kaj *Bordèu* (Bordozo) en *Vilanòva d'Òlt* [bilonoŭo dolt] okazis, kiel ĉiujare antaŭlastasemajne de aŭgusto, la *Escòla Occitana d'Estiu* (http://www.eoe-oc.org/). Ĝi strukture sufiĉe similas al esperantokongresoj, kvankam ĝi estas pli lernejeca. Matene ĉiuj komencas per lingvokurso, kaj tiuj kiuj volas, povas havi intensivan tuttagan kurson. Kursoj haveblas trinivelaj de la langvedoka, gaskona kaj limoĝia dialektoj, kaj de la kataluna — ĝemela lingvo. Ankaŭ infanoj kaj junuloj havas siajn klasojn.

La lingva situacio estas interesa. Plej multaj partoprenantoj interesiĝas pri la langvedoka, kiu estas la loka dialekto, plej simila al la provenca. La gaskona, kvankam ankaŭ en la sudokcitana dialektaro, jam pli malsamas, pro ties eŭska deveno. Sed lokanoj, kiuj ŝtatlerneje neniam lernis pri sia lingvo, memoras pri reĝepoka aparteno al Gaskonujo, kaj pro tio asertas, ke ili parolas la gaskonan. Eĉ malpli sama, ĉar el la nordokcitana dialektaro, sed geografie tre proksima, estas la limoĝia.

Ĉeestinta limoĝia (lingve, ne politike, pro la artefaritaj limoj de la francaj regionoj) aŭtoro tamen asertas ke dialektoj ne ekzistas. Oni ja povas klare atribui ties tipajn trajtojn, sed tute ne ties limojn. Tiel lia sudlimoĝia, kvankam tute strangsona kaj alkutimiĝenda por Langvedokano, laŭ li pli proksimas al la langvedoka ol al tiu de la fora ĉefurbo *Lemòtges* (Limoĝo). Kaj ankaŭ la loka lingvo, 50 km for de Gaskonujo, havas pli da gaskonaĵoj ol ekzemple tiu de Tuluzo kiu situas sur tiu sama dialekta limo.

Cetere okazis kantado kaj plej diversaj laborgrupoj, de kuirado tra nompristudo (forgratante la fuŝfrancigon, kun provo eltrovi radikojn el delonge forgesataj pralingvoj) ĝis teatroluado. Posttagmezfine venis ĉiutage seriozaj prelegoj plejparte pri okcitanaj temoj. Vespere sekvis diversaj programoj, teatraĵo, fabelrakontado — tradicio ankoraŭ ĉarme viva en Okcitanujo, koncerto kaj la bunta programo de la partoprenantoj mem.

Merkreda ekskurstago ofertis al la 150 partoprenantoj tri eblecojn: urbogvidado en la lingvo aŭ vizito al prunsekigejo kaj al farejo/muzeo de grasigita anser- aŭ anashepato, misuzata natura procezo por stoki amason da energio migradcele — gravaj lokaj industrioj. La tria iris al mirinde bela kastelo *Biron* [biru], kies estro senkapiĝis post dua provo ribeli kontraŭ sia iama amiko okcitandevena franca reĝo Henriko 4-a. Ĉion ĉi bele, preskaŭ fabelece, rakontis *Marcèu Esquieu*, antaŭ 31 jaroj kunfondinto de la somerlernejo, kaj pli ol unu preterpasanto aŭdavide alproksimiĝis. Ja el la publika vivo tiu melodia lingvo preskaŭ tute jam forestas.

*Daniel Pfeiffer*

**Asterikso kaj Obelikso en la miranda**: La 15an de septembro oni prezentis en Lisbono la unuan volumon de Asterikso kaj Obelikso tradukita al la miranda, dialekto de la astur-leona lingvo parolata en la komunumoj de *Miranda do Douro* kaj Vimoso (nord-oriente de Portugalio). *Asterix L Goulés* estas la unua adapto de ĉi tiu serio de aventuroj al la miranda, kiu havas ĉ. 10 000 parolantojn. Post ĝia oficiala agnosko kiel dua lingvo de Portugalio en 1988, oni nun prilaboras ortografian konvenciaron por starigi la regulojn kaj publikigi vortaron. La verkon oni eldonis en 3.000 ekzempleroj. *Vilaweb / Kataluna Esperantisto*

**Madrido, nova lingva reĝimo: La kataluna, la galega kaj la eŭska povos esti uzataj en la Eŭropa Parlamento fine de novembro**: La eŭrodeputitoj povos interveni en la plenaj kunsidoj de la eŭropa parlamento en la kataluna, galega kaj eŭska fine de novembro je la ekvalidiĝo de la nova lingva reĝimo de la komunaj institucioj, laŭ informoj de la ŝtata sekretario por UE, *Alberto Navarro*.

En koridora deklaracio al la ĵurnalistoj de la Kongreso *Navarro* klarigas, ke la 7an de novembro estas la antaŭvidita dato por la administra akordo kun la Konsilantaro de UE kaj substrekas, ke la kunoficialaj lingvoj de Hispanio povos esti uzataj en la plenaj kunsidoj de la Komitato de la Regionoj ekde la 17-an kaj 18-an de novembro kaj en plenaj kunsidoj de la Eŭropa Ĉambro kunvokitaj la sekvan semajnon.

La skizo de la akordo starigas, ke la hispanaj civitanoj povos skribi al la Eŭropa Parlamento kaj ricevi respondon en la kunoficialaj lingvoj, ke la eŭrodeputitoj povos uzi ilin antaŭ la plenaj kunsidoj kaj ke okazos tradukoj de la leĝaj aktoj adaptitaj al la Eŭropa Ĉambro kaj al la Konsilantaro. *2005, elmundo.es*

**Okcitanio**: Kiel ĉiuj scias "Kaj la vento promenas" estas filmo turnata en la Valo *Maira,* kiu partoprenis la kinan festivalon de Londono kaj ricevis rekonon. Ni indikas pri tio interesan artikolon aperitan en *Il Manifesto* de dimanĉe la 30-an de oktobro p. 15. Vi povas ĝin legi je <http://www.ilmanifesto.it/Quotidiano-archivio/30-Ottobre-2005/art85.html>

*Ferriòl Macip i Bonèt*

**Pollando**: **La kaŝuba estas slava lingvo**, kiun antaŭ ne longe oni konsideris kiel simplan polan dialekton. Iel simile okazis al la astura kaj aragona lingvoj, tiom proksimaj al ni. Kaŝuboj estas eta popolo, kiu loĝas en Pomerio, ĉe la Balta maro, okcidente de la pola urbo Gdansko [pole: *Gdańsk*; kaŝube: *Gduńsk*]. Entute ili estas proksimume 150.000, sed nur triono parolas la kaŝuban en la ĉiutaga vivo. Tio klarigas kial kaŝuboj ne konsideras sin aparta nacio. Fakte, kiam Pomerio apartenis unue al Prusio kaj poste al Germanio, la poloj pledis por posedi aliron al la Balta maro. Pro tio Pollando taksis la kaŝubojn kiel samnacianojn, surbaze de la lingva proksimeco. La kaŝuba vortaro enhavas multajn german- kaj pol-devenajn vortojn pro longa kunvivado de tiuj lingvoj, tamen estas multaj eroj de la malaperinta prusa lingvo, el la balta grupo. Alia fakto pri la kaŝuba estas ĝia skribado laŭ la dialektoj, do la gramatiko ne estas unueca malgraŭ, ke hodiaŭ kelkaj kaŝubaj fakuloj klopodas elformi unuecan lingvon. La akcento de kaŝubaj vortoj, krom norde, kie la akcento estas neregula, falas sur la unuan silabon. La plej grava kaŝuba verkisto dum 19-a jarcento estis *Florian Ceynowa*, kiu simpligis la skribadon. La patrino de la fama nobelpremiito *Günter Grass* estis kaŝubino. Nun la kaŝuba lingvo estas instruata en kelkaj lernejoj, eĉ ekzistas kaŝubaj radiaj kaj televidaj elsendoj.

*El Kataluna Esperantisto, Gerard Escuer*

**Francio: Benu la kolonian epokon!** Eble malmultaj legantoj povos kredi, ke antaŭ proksimume dek monatoj la franciaj parlamentanoj (fakte la plimulto el ili, kiun tutsole konsistigas la dekstra partio UMP) voĉdonis leĝon, laŭ kiu oni interalie agnoskas la pozitivan flankon de la franca koloniado. La amendon proponis deputitoj el lokoj, kie loĝas multaj "rehejmigitaj" homoj kaj ties idoj. Tial la novaj historiaj lernolibroj devus instrui ĉefe la bonajn aspektojn de tiu brila periodo, dum kiu oni interalie mortigis amase, konfiskis la terojn, sed tamen instruis al kelkaj la "civilizon" kaj ties perlon, la francan lingvon. Antaŭ nelonge la parlamenta opozicio postulis, ke oni nuligu tiun amendon rapide voĉdonitan en nokta momento, kiam malmultaj deputitoj ĉeestis. Sed la UMP-anoj rifuzis rekonsideri la aferon, do tiu leĝo plu validos. Ĉu plia simptomo de kadukiĝo de lando, kiu malfacile adaptiĝas al la tutmondaj ŝanĝiĝoj kaj scipovas konsideri nur sian pasinton? Ĉu nur klientisma sinteno de parlamentanoj, kiuj ĉefe pensas pri sia propra reelekto? Aŭ ĉu plia signo de terura dekstriĝo, sekve al profunda identeca krizo? Kial ajn tio estiĝis, la konsekvencoj – krom pri la nura rajto libere konsideri la historion – ne malgravas. Ekzemple antaŭvidita amikeca traktato inter Alĝerio kaj Francio ne povos subskribiĝi. En tia naciisma etoso oni eĉ povas dubi, ĉu la bataloj por la rajtoj de malplimultoj "nefrancaj", ĉu indiĝenaj ĉu venintaj el eks-kolonioj, longe povos daŭri.

*Alain Favre*

**Asturio**: ***Llión-Zamora,* oktobro**: La asocioj por la defendo kaj la disvastigo de la lingvo *Facendera po la Llingua* (*Llión*) kaj *Furmientu* (*Zamora*) prezentis unuigitan proponon por oficiala agnosko de la lingvo je la venonta reformo de la Aŭtonomec-Statuto de *Castilla y Llión*.
***Uviéu***: La 5-an de novembro, kunvokitaj de la *Concyeyu Abiertu po la Oficialidá*, 10.000 personoj manifestaciis en *Uviéu* postulante la agnoskon de la lingvaj rajtoj en la okazonta reformo de la Aŭtonomec-Statuto de Asturio. Apud granda grupo da civitanaj kaj kulturaj asocioj ĉeestis plej multo el la sindikatoj kaj politikaj partioj de la lando. Tio pli reliefigis la nepartoprenon de du partioj: la socidemokrata PSOE kaj la dekstrisma PP. Tiun neĉeeston rimarkigis la CAO fronte al la unuecon de la astura socio rilate la lingvan demandon. La lastaj socilingvistikaj enketoj montris ke 70% el la loĝantaro favoras la oficialigon de la lingvo.

**Madrido**: La Hispana Lerneja Konsilantaro rifuzis agnoski la universitatan titolecon al la studoj pri astura lingvo. Tiu decido plidaŭrigos la nestabilecon de la lingvaj instruistoj kiuj ne rajtas je fiksaj postenoj nek havas la samajn rajtojn kiel ceteraj instruistoj en Asturio.
*El Interetna Kunlaboro, raportis: Nikolas Xil Carvalho*

**Asturio**: Komence de la lernsezono SUATEA, la plej grava sindikato de instruistoj en Asturio, denuncis la gravajn mankojn pro kiuj suferas la instruistoj pri la astura lingvo je ĉiuj niveloj. *La Xunta Moza*, junulara fako de l*a Xunta po la Defensa de la Llingua Asturiana*, kunvokis strikon en la liceoj por la 23-an de novembro proteste al tiu situacio.

*El I K, raportis: N. X. C.*

**Eŭskio - Bretonio**: La asocioj *Demo* el Eŭskio kaj *Ai'ta* el Bretonio unuigis siajn fortojn por premi la francan trajnkompanion SNCF akceptigi la uzadon de la respektivaj lingvoj en ties servoj. Ili fiksis protestrendevuon por la 10-a de decembro en la stacidomoj de *Baiona* kaj *Gwemgamp*. Delonge *Demo* kampanjas kun tia celo kaj ties membroj. *Ai'ta* aliĝis al la sama lukto por batali "memstare sed kune".

*El I K, raportis: N. X. C.*

**Eŭskio - Kimrio - Galegio**: Reprezentantoj de la kimra *Cymuned* kaj la galega AGAL kaj *Gentalha do Pichel* estis invititaj de la eŭska EHE al ties studstaĝo. Tiuj ĉi porlingvaj asocioj kundividas samajn interesojn kaj problemojn kaj post renkonto dum la Eŭropa Socia Forumo ili decidis plifortigi rilatojn kaj kunlabori en la defendo de siaj lingvoj.

*El I K, raportis: N. X. C.*

**Mediteranea regiono**: Paralele al la Mediteranea Pintkonferenco en Barcelono la CCSI (Kataluna Komitato por Internacia Solidareco) organizis la 1-an konferencon de Senŝtataj Nacioj. Invititaj estis reprezentantoj el Korsiko, Sardinio, Siĉilio, Okcidenta Saharo, Palestino, Kabilio kaj Katalunio. Ĉiuj reprezentantoj konsentis postuli la rajton je memdetermino sed, konsciante pri la malsamaj politikaj situacioj, ili agnoskis la neceson agi laŭ malsama rapideco survoje al tiu celo.

*El I K, raportis: N. X. C.*

*Alain Favre*

# Pasturellu, korsika poemo

*Arbaraj incendioj troviĝas inter la plej timataj (kaj bedaŭrinde oftaj) katastrofoj en la mediteraneaj landoj, ĉefe somere kaj vintre, dum la plej sekaj sezonoj. Kaj nemalofte homoj intence provokas la fajregojn. En Korsiko tio plej ofte okazas cele al detruo de arbaroj, kiuj tiel povos fariĝi urbanizeblaj lokoj...*

*Fine de julio 1989 tia incendio kaŭzis la morton de juna paŝtisto, kiu pereis dum li provis savi siajn kaprojn. La sekvan poemon Rinatu Coltelloni dediĉis al la juna viktimo.*

*(El la semajna gazeto Arritti, 13-20 julio 2005)*



PASTURELLU

Ne hè brusgiada a virdura,
Tuttu negru, hè lu pughjale.
Hè morta oghje, a natura.
L'omu ha fattu stu male.

U focu ha varcatu e creste,
Infiammatu cun furore,
Machja, boschi e fureste.
In ogni locu u malore!

Si ne hè siccatu u guadellu,
Più acqua ind'u fiuminale,
Cunsumatu l'urticellu.
Perchè ne si criminale?

Ai cacciatu la vita,
Brusgiatu tuttu u liccetu.
Porti tù, la calamità.
Ferma un solu castagnetu.

Ai fattu di stù locu,
Un disertu abbandonatu.
Tù, lu scemu di lu focu,
Ne sarai cundannatu.

Si diventatu assassinu,
Chi porti, tù, lo spaventu.
Ai portatu lo destinu,
Mezu a fiamme è à ventu,
Di lu bravu pasturellu,
Mortu, in cima à lu chjusellu.

**JUNA PAŜTISTO**

Pro tio forbruliĝis la verdo,
Tutnigriĝis la montoflanko.
Mortis hodiaŭ la naturo.
Tiun malbonon faris la homo.

La fajro transpasis la krestojn,
Flamigis kun furiozo
Makison, boskojn kaj arbarojn.
En ĉiu loko malfeliĉo!

Pro tio sekiĝis la rojo,
Ne plu akvo al la valo,
Detruiĝis la ĝardeneto.
Kial vi tion krimis?

Vi forpelis la vivon,
Bruligis la tutan verdkverkejon,
Alportas vi kataklismon.
Restas nur unu kaŝtanejo.

Vi faris de tiu loko
Forlasitan dezerton.
Vi, la frenezulo de l' fajro,
Pro tio kondamniĝos.

Vi fariĝis la murdisto
Kiu alportas la teruron.
Vi sigelis la destinon,
Meze al flamoj kaj vento,
De la brava paŝtisto
Mortinta supre de l' kaprejo.




# -INFORMILO 57

## IKEL-MEMBROKUNSIDO



*La ĉeestantaj estraranoj. Fotis Maciej Wnuk*

La membroj de **IKEL,** ĉeestantaj la Universalan Kongreson en Vilno, renkontiĝis dum la kongreso, kiel anoncite en la lasta numero de ***Etnismo***. Ankaŭ ne membroj ĉeestis kaj partoprenis la diskutojn.

Nova estraro estis elektita:
Prezidanto: **Daniele VITALI**
Vicprezidanto: **Nicole MARGOT**
Kasisto: **Ursula SCHNELLE-MORITZ**
Sekretario: **Nicolas XIL CARVALHO**
Membroj:
**Hèctor ALOS I FONT**
**István ERTL**
**Alain FAVRE**
**Xabier RICO ITURRIOTZ**

*Uwe Joachim Moritz*, same kiel kvar antaŭaj estraranoj, inter ili *Anita Perič-Altherr*, ne proponis sian rekandidatiĝon. La kreinto de **IKEL** kaj de ***Etnismo***, *Uwe Joachim Moritz*, estis nomumita honora membro de **IKEL**. Kiel vi povos legi poste, sendita teksto de la prezidanto de **IKEL**, *Daniele Vitali*, kiu ne povis ĉeesti la kongreson, rakontis la senlaciĝan engaĝiĝon de *Uwe Moritz*[1] por la senŝtataj popoloj.



*Fotis Maciej Wnuk*

Emociite *Uwe Moritz* memorigis la engaĝiĝojn de aliaj pasintaj estraranoj de **IKEL** kun kiu li kunlaboris. Nia kasistino, *Ursula Schnelle-Moritz* antaŭanoncis sian retiriĝon post tri jaroj.
La sekvo de la kunveno estis dediĉita al la estonteco de **IKEL**. La ĉeestantoj ĝojis, ke la revuo ***Etnismo*** plu regule aperas danke al la novaj redaktoroj, al la presigado kaj sendado fare de Kataluna Esperanto-Asocio, sed ankaŭ al la kontribuo de pluraj membroj, kiuj sendas ĉu artikolojn ĉu informojn por la revuo.
La prioritatoj de la asocio nun devas esti akiro de novaj membroj kaj aktivado pere de leteroj por subteni la endanĝerigitajn popolojn. Pluraj aliaj ideoj venis de membroj kaj ne membroj dum tiu kunveno, sed ankaŭ dum la diskuto, kiu sekvis la fakkunvenon.
Inter la plej realigeblaj kaj precizaj ideoj, ni trovas:
- eldonon de libreto pri la historio la ital-slovenajn rilatojn, iniciatitan de *Anita Perič-Altherr*, kiu eble aperos por la Universala Kongreso en Florenco.
- tradukojn de **IKEL**-informiloj en minoritatajn kaj ŝtatajn lingvojn.
- broŝuron pri lingvo-politiko eldonotan de **IKEL**, kunlabore kun UEA.
Pli ĝenerale, **IKEL** intencas denove pli aktivi en la konkreta subteno de endanĝerigitaj popoloj, kiel vi vidas en tiu numero, sed ankau pli aktive kunlabori kun esperantistaj (aŭ ne) asocioj kun similaj celoj.
Ideoj pli ambiciaj, eble realigotaj en la estonteco, estis la propono de projekto kun la helpo de EU-instancoj, ekz. kadre de landlimaj interŝanĝoj, studvojaĝoj ĉe minoritataj popoloj, "Eurolangues"... sed ankaŭ kreo de etno-lingvaj literaturaj antologioj.

*La redakcio*

---

## Dankon, Uwe!

[1]*teksto skribita de la prezidanto, Daniele Vtiali, kaj legata dum la membrokunveno en la UK de Vilno.*

Kiam **IKEL** fondiĝis en 1978, jam de pluraj jaroj ekzistis bulteno, komence stencilita kaj poste pli kaj pli alloga laŭenhave kaj laŭaspekte, kiu nomiĝis ***Etnismo***. Patro de ambaŭ iniciatoj estis *Uwe Joachim Moritz*, platdiĉa esperantisto tute netipa. Anstataŭ ade "remaĉi la verdan kaĉon", kiel li kutimas diri, li volis aktive reagi al la defioj de la mondo, kaj vidis ambician sed realisman perspektivon por la Esperanto-movado en ties transformiĝo al movado por ĝenerala lingva diverseco. En la sepdekaj jaroj oni multe diskutis, ĉefe el maldekstra kaj sendependisma vidpunkto, pri la rajtoj de etnaj kaj lingvaj malplimultoj, en kadro sufokata de la divido de la mondo en du malamikaj blokoj, kaj sufokata ankaŭ de du malamikaj ideologioj en kiuj linioj devis organiziĝi pli malpli ĉio.
Fajfante pri tiu ĉi ekskluziveca postulo de la du regantaj ideologioj, *Uwe* uzadis Etnismo-n kaj la internacian lingvon Esperanto kiel malgrandan sed efikan pafilon por protesti kontraŭ ĉiuj malrespektoj de etnaj kaj lingvaj rajtoj, evoluigante propran idearon, kiun li trafe nomis "etnismo", kaj kiu rapide ĉirkaŭigis lin de aliaj nekonformiĝemaj esperantistoj. Etnismo estas ideo laŭ kiu ĉiuj etnoj (aŭ popoloj, aŭ homgrupoj kun propra

tradicia kulturo) rajtu je elekto de sia estonteco, kaj tiu “ĉiuj” estas baza por kompreni la novecon de la ideo en socio kie ĉiu oficiala ideologio dividas la mondon inter bonaj kaj malbonaj, kaj kompreneble vidas nur siajn proprajn historiajn postulojn kaj argumentojn.

Fajfante pri la priserĉadoj de la greka sekreta polico dum la kolonela diktaturo, aŭ pri la pridemandadoj de *Securitate* en Rumanio kiam li protestis favore al la hungaraj vilaĝoj minacataj de la *Ceauşescu*-reĝimo, sed ankaŭ fajfante pri la suspektemo de tiuj, kiuj opinias ke rajtas ekzisti nur la grandaj popoloj kaj ke ĉio cetera estas kontraŭpaca separismo kaj terorismo, *Uwe* daŭrigis dum jardekoj sian aktivadon, en Esperanto sed ĉiam serĉante kontakton kun la ekstera mondo, tiu kie okazis la teruraĵoj kaj maljustecoj kiujn li kontraŭbatalis. Tial li plurfoje altiris la oficialan atenton sur siajn kreaĵojn (**IKEL** kaj ***Etnismo***-n), eĉ ricevante la honoran medalon de la nova Respubliko Litovio pro sia fervora agado komence de la naŭdekaj jaroj, kiam reakciaj sovetiistoj atakis la litovan televidejon.

Kaj samtempe kun tiu ĉi ekstera projekciiĝo, li fortikigis la etnisman teorion kaj la etnan terminaron en Esperanto, proponante etno- kaj lingvonomojn sur la paĝoj de ***Etnismo***, kiu ofte utilis kiel referenco ankaŭ por alifontaj glosaroj kaj vortaroj.

Nemalhavebla akompano de tiom da aktivado estis la persona virto ĉiam serĉi plilarĝigon de la etnistaro: li ne volis esti unusola reganto, sed nur startiginto de pli granda fluo, kiu vere ŝanĝu ion. Kohere kun tiaj celoj, venis por *Uwe* la momento lasi la **IKEL**-prezidantecon, la ***Etnismo***-redaktorecon, kaj nun ankaŭ la **IKEL**-estraranecon.

Ni ne scias ĉu ni sukcesos fari kion li faris, sed ni scias ke lia laboro estas bonega bazo por rikolti pliajn fruktojn, kaj scias ankaŭ ke li daŭre sekvos la konduton de **IKEL** kaj ***Etnismo***, kun kritika sed ĉiam konstruiva okulo.

Dankon Uwe!

---




**Aĉetebla ĉe la antaŭa kaj ĉe la nova redaktejoj!**

---

**Informilo pri etnaj problemoj**

La membroj de la **Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj (IKEL)** ricevas ***Etnismo***-n sen krompago. Aparta jarabono (normale: 2 aŭ 3 kajeroj de sume 36 paĝoj kostas 10.00 €. Unuopa ekzemplero (de simpla numero kostas 5.00 € (inkluzive afrankon). La artikoloj publicitaj en ***Etnismo*** ne nepre esprimas starpunkton de **IKEL**, se ili ne estas subskribitaj ĝianome. Ĉiuj eroj de la "**IKEL-Informilo**" estas oficialaĵoj. La aŭtoroj ne ricevas honorarion. La redaktoro rezervas al si la rajton ne publikigi, mallongigi kaj lingve korekti kontribuaĵon.

---

**Venonta redaktolimdato: la 28-an de februaro 2006**

**ESTRARO:**

**PREZIDANTO: Daniele VITALI** (padiano),
6-12 rue du Fort Wallis, L-2714 Lëtzebuerg/Luxembourg
tel: xx 352 48 94 24, retadreso: ikel@uea.org
TTT-ejo: http://www.geocities.com/ikeldv

**VICPREZIDANTINO KAJ REDAKTORINO:**
**Nicole MARGOT** (vaŭdanino), ch. des Lys 4, CH-1010 Lausanne
Tel xx 21 653 14 67, retadreso: n.margot@bluewin.ch

**SEKRETARIO: Nikolas XIL CARVALHO** (asturleono),
1062 postakutxa, 20080 Donostia, Gipuzkoa, Euskal Herria/Eúskio
tel: 630 44 68 63, retadreso: n.xil@kzgunea.net

**KASISTINO: Ursula SCHNELLE-MORITZ** (platdiĉino)
Marsweg 5, D-26209 Sandhatten, tel: xx49-4482-97225

**KUNREDAKTORO: Alain FAVRE** (savojano), Damo de Vi, allée du Quart d'Amo 171, F-74140 Chens-sur Léman
tel: xx 33 450 94 02 08, retadreso: afavre1@hotmail.com

**GEESTRARANOJ:**
**Hèctor ALÒS I FONT** (kataluno), av. Pla del Vinyet, 91, 1r 1a, 08190 Sant Cugat del Vallès, Katalunio, tel. +34 93 589 75 33, retadreso: h.alos@esperanto-ct.org
**István ERTL** (hungaro), 39, rue Robert Schuman
L-7382 Helmdange, Luksemburgio,
tel. (352)2633-2659, ertl@tiscali.be
**Xabier RICO ITURRIOTZ** (eŭsko), Manuel Iradier, 22-1-ezk.
01005 Gasteiz

**SENDOSERVO:**
KATALUNA ESPERANTO-ASOCIO, poŝtkesto 1008,
E-08200 Sabadell, Katalunio - Catalunya
tel: xx 93 710 96 36, retadreso: kea-kasisto@esperanto-ct.org

## *Kotizoj kaj kontoj:*

| Membreco | eŭroj |
|---|---|
| Normala | 20.00 |
| Subtenanto | 30.00 |
| Rabatita | 10.00 |

La rabatitan membrecon rajtas ĝui ĉiu persono, kiu aŭ loĝas en (eks)socialisma aŭ "triamonda" lando, aŭ estas studento aŭ emerito.

Bonvolu ĝiri vian IKEL-kotizon **ekskluzive** al la konto de IKEL ĉe UEA (kodo: **ikel-y**) aŭ al unu el jenaj konto de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO (Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam):
- BELGA poŝtĝirkonto (pĝk) n-ro **000-1631831-97**
- GERMANA (Köln) pĝk n-ro **318291- 509**
  **BLZ 370 10050 IBAN: DE51370100500318291509**
  **SWIFT PBNKDEFF**
- NEDERLANDA pĝk n-ro **37 89 64**
  **IBAN: NL24PSTB0000378964, SWIFT PSTBNL21**
- SVEDA pĝk n-ro **74374-0**
  **IBAN: SE9595000099604200743740,**
  **SWIFT NDEASESS**
- SVISA pĝk 12-2310-0 (Bulle)

Ĉiukaze indiku "ikel-y" kaj la celatan jaron. Bonvolu nepre certigi ke via kompleta kotizo alvenu en la IKEL-konto: IKEL absolute ne povas transpreni kiajn ajn banko- aŭ peradkostojn!

*Ursel Schnelle Moritz*, kasistino

•••••••

*NOVAĴO*: *eblas reklami en* ***Etnismo*!**
***Anonctarifo:***
**(EUR): 1p. 80, 1/2 p. 45, 1/4 p. 25, 1/6 p. 15. Rabato por membroj de IKEL: 10 %.**